XXI^a jaro. N° 297 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Esperanto elektita kiel radio-lingvo!

Ni jam anoncis en nia lasta numero la gravan decidon de la Internacia Radio-Kongreso en Paris. Ni enpresas hodiaŭ tradukon de la franclingva protokolo pri la komisionaj kunsidoj, dum kiuj oni diskutis la mondlingvan problemon kaj preparis la rezoluciojn poste voĉdonitajn de la kongreso mem.

Se ni ankoraŭ deziras ilin iom priparoli, la kaŭzo estas jena: jam multfoje Esperanto estis ĉu rekomendata ĉu eĉ adoptata de iu aŭ alia kongreso, sed poste la malamikoj ĉiam pretendis, ke tio okazis sen serioza diskuto kaj sen informiĝo pri ceteraj mondlingvoj. Almenaŭ pri la radio-kongreso tio tute ne povas esti asertata, ĉar la malo okazis

Ĉeestis la kongreson pluraj idistaj ĉefoj kaj du landoj, Svedujo kaj Danujo, estis reprezentataj de la tre agema kaj talenta aŭtoro de la ida radio-leksikono. Li mem vic-prezidis la komisionon. Li multfoje paroladis, ĉu ide, ĉu angle, en ĉiuj kunsidoj kaj eĉ antaŭ la tuta kongreso, ĉiam kritikante Esperanton. Ankaŭ paroladis fervora defendanto de la angla lingvo.

Post ĉiuj diskutoj la kongreso fine decidis elekti Esperanton kaj malakceptis unuanime krom du voĉoj la vidpunkton de la kontraŭuloj.

Tiun ĉi fojon oni ne plu diru, ke nur unu tezon oni aŭdis. Ĉio estis dirita, ĉio provita por malsukcesigi Esperanton aŭ almenaŭ prokrasti la aferon. La kongreso ne volis tion kaj opiniis, ke urĝas oficiala elekto de radio-mondlingvo aj ke tiu lingvo estu Esperanto.

Jen klara kaj tre difinita fakto. La idistoj nun perdis sian plej bonan karton en la ludo, la radio-kampon, kiun ili zorge antaŭpreparis. Estos de nun ĉie same. La mondo ne povas atendi jarojn por akceli progreson, nur ĉar du- aŭ tricent personoj preferas diri d i c a r por diri aŭ k o n o c e s e s k o por e k k o n a t i ĝ o, speciale kiam oni scias, ke ekzistas ankoraŭ aliloke personoj, kiuj ankoraŭ preferas trian aŭ kvaran formon.

Senpartiaj observantoj jam trovas, ke tiuj detaloj ja ne gravegas kaj ke Esperanto estas sendube pli simpla, pli belsona kaj pli disvastigita ol ĉiuj aliaj proponaĵoj. Tial ili elektas ĝin kaj tion de nun faros ĉiam pli kaj pli decide. Multaj idistoj nun transpasas al O c c i d e n t a l, aliaj al N o v - E s p e r a n t o. Bonan vojaĝon! Ni iru nian vojon kun freŝa kuraĝo kaj plena fido en la estonto. Baldaŭ ĉiuj revenos al ni kaj ni forgesos iliajn pikadojn. La afero estas pli granda ol la homoj, pli alta ol ni ĉiuj.

La nuna homaro klopodas eliri el ĥaoso kaj starigi sian progreson sur pli unueca, pli harmonia bazo. Esperanto estas unu el la bonaj rimedoj al tio. Ĝi kompletigas la mirindajn eltrovojn kiel radio, kiu povus fariĝi granda detruanto de baroj inter popoloj, se ĝi portos mondlingvon sur siaj flugiloj. Ni rajtas do esperi kaj devas labori. Nia tasko estis neniam pli klara, la vojo neniam pli rekta, la lumo neniam pli hela.

*Edmond Privat.*



# EL NATURO KAJ SCIENCO



## Pri ideala nutraĵo.

„Ni estas tio, kion ni manĝas" diris unu saĝulo, kaj li pravis en kelka grado, ĉar tuta nia korpo estas nenio alia ol konstruaĵo el materialoj kiuj iam estis nutraĵoj por ni, por niaj gepatroj, por la prauloj. Li malpravis en tio, ke la substanco de nia korpo estas rezulto ne nur de nutra kvalito de l' manĝaĵoj, ankaŭ de asimila kapablo de l' manĝantoj. Kaj plej elementa pruvo pri tio estas, ke el sama herbo konstruiĝas gracia gazelo kaj malbela kamelo. La forto de l' organaro estas tia, ke ĝi kreas diversajn aĵojn el la sama substanco, kaj — se necesas — identajn aĵojn el la malsamaj substancoj. Lupo sin nutras per karno, tia estas ĝia normo, sed malsata lupo manĝas ankaŭ vinberojn, maizon, terpomojn, kukumojn, ĉar laŭ la proverbo — „Malsato ne estas onklino, ĝi ne zorgas pri la inklino." Ĉevalo devas manĝi herbon, avenon, fojnon, sed ĝi povas manĝi ankaŭ . . . fiŝojn, kio okazadis en nordaj regionoj, kie oni savis ĉevalojn de l' malsata morto doninte al ili sekajn fiŝetojn. Fungoj ne estas destinitaj por homa nutro, sed oni konas aŭtente, ke dum tuta somero unu grupo da arbohakistoj sin nutris nur per fungoj. Sed ni revenu al la ideo de perfekta nutrado, kiu teorie ja devas ekzisti, ĉar, kie estas multaj gradoj da bonaĵoj, nebonaĵoj, malbonaĵoj, tie certe ekzistas plej bona kaj plej malbona aĵo.

Zoologio distingas mambestojn laŭ ilia nutromaniero, ĉar tiu maniero spegulas en ilia korparanĝo. Do, ekzistas la karnovoroj, insektovoroj, omnovoroj, herbovoroj kaj fruktovoroj, ekzemple: kato, talpo, porko, cervo, simio. Simioj sin nutras per fruktoj, nuksoj, burĝonoj, beroj, junbranĉoj, folioj, grenoj, legomoj kaj ovoj. Same sin nutris primitiva homo kiu loĝis en tropikaj praarbaroj. Same sin nutris ĉiuj antikvaj gentoj, krom la montanoj kaj apudmaruloj, kiuj devis konatiĝi kun la viandoj kaj fiŝoj. Kun la tempo ĉiu natura regiono altrudis al siaj gentoj tiun nutraĵon kiu abundis kaj estis produktebla per kulturo. Maniero de vivo, klimato, ankaŭ influis la nutradon. Fine, la homaro nun prezentas plurajn tipojn laŭ la vidpunkto nutraĵa:

I. *Vegetara tipo,* plej primitiva kaj plej natura, regas ĉe popoloj kiuj loĝas en fruktoriĉaj ebenaĵoj, en Rusujo, Hindio, Egipto. Tritiko, sekalo, hordeo, rizo, fabo, milio, ĉiuj legomoj estas esenca bazo de l' manĝaĵoj. Laktaj produktoj rolas en dua loko. Aldoniĝas fruktoj, beroj, ovoj, mielo, fungoj, nuksoj, fermentaĵoj.

II. *Vianda tipo* regas ĉe ĉasistaj gentoj de Ameriko, Afriko, Azio, Poluso, Oceanio, en montaraj landoj — Montenegro, Kaŭkazo, Andoj, ĉe riĉaj klasoj de Britujo, Aŭstrio, Hungario, Rusio, Germanio. Aldoniĝas alkoholaĵoj, spicfarunaĵoj, mustardo, pipro, teo, kafo, ovoj, legomoj, pastoj, pano.

III. *Fiŝa tipo* estas ĉe maraj popoloj kaj riverloĝantoj, en norda Eŭropo, Mezmara insularo. Aldoniĝas moluskoj, oleo, vino, legomoj, farunaĵoj.

IV. *Miksa tipo* estas reprezentita nun ĉe la plejmultaj popoloj, precipe en Francujo, Svislando, Italio, Polujo, Balkano, Ĉinio, Brazilo. Oni akceptas ĉion el la tri supraj kategorioj, oni aldonas fungojn, saladojn, helikojn, ostrojn, marfruktojn, hundidojn, ratojn, plej diversajn radikojn, legomojn, foliojn, herbojn, moluskojn, spicojn.

Kastaj tradicioj kaj religiaj reguloj forte influas la elekton de la nutraĵo; iliaj malpermesoj ordinare rilatas viandon kaj ne atentas pri vegetaĵoj. El higiena vidpunkto la rataĵo estas pli pura ol porkaĵo, la ĉevalaĵo pli sana ol anasaĵo, sed la familiaj kutimoj, naciaj kutimoj precipe, ludas ĉefan rolon. Je la fino de l' XIX^a^ jarcento disvastiĝis en Parizo, Berlino, Peterburgo, la uzado de l' ĉevala viando, leĝe permesita. Ĝin profitis laboristaro kaj neriĉaj oficistoj. Tio estis granda paŝo sur vojo al libera nutrado.

Se la religiaj kaj nobelaj superstiĉoj malaperas, nova danĝero aperas por la homaro. Ĝi estas senbrida kuro al la lukso, al blinda vanta modo. Oni rifuzas nigran panon, simplan pladon, nutran kaj bongustan farunaĵon, ĉar ili odoras je vilaĝo, je kamparo. Tamen estas ja pruvite, ke la blanka pano ne entenas tiujn valorajn substancojn kiuj necesas por la dentoj, ostoj, nervoj. Tial okazis, ke infanoj de grandaj urboj, nutrataj ĉefe per blanka pano, terpomoj, sensukaj viandaĵoj, prezentas la degeneradon kaj malsanemon. Antaŭ la milito estis voĉdonita en brita parlamento nova leĝo pri la t. n. normala pano, bakita el kompleta natura faruno, kun ĝia brano. Ĝi estas la bruna aŭ griza pano, bongusta, aroma, nutra. Normala pano el sekalo estas malplihela, nigrebruna, ankaŭ bonega. Higienistoj tre rekomendas manĝaĵojn el integra kunbrana tritika greno, ĉar tiu greno vere enhavas ĉiujn elementojn por la sana nutrado. Terpomo estas iom nutra nur kun aldono de graso, fromaĝo, fiŝo aŭ viando. Tritiko estas plene nutra per si mem. Ĉar homa korpo adaptiĝis al difinita nutraĵo dum longaj jarmiloj, tial la ideala nutro por ĉiu homo estas nutro de liaj prapatroj. Sed la komuna fundamento, sendanĝera, certa, sana, por ĉiuj nacioj kaj ĉiuj klimatoj, estas la greno. Sur tiu bazo oni jam povas variigi la aldonaĵojn — legomajn, fruktajn, laktajn, fiŝajn aŭ viandajn — laŭ la persona inklino, profesio, monrimedoj. Profesio devigas iufoje la nutrospecon. Sidaj profesioj de oficistoj, librotenistoj, kasistoj profitas vegetaran reĝimon, sen tabacoj, sen spicoj. Profesioj de portisto, lignohakisto, konduktoro, kiuj postulas korpan streĉon sur la piedoj, permesas viandan aldonaĵon al la vegetara bazo. Greko aŭ sardeniano pli profitos fiŝan reĝimon ol litovo aŭ polo.

El porkaĵo oni povas danĝere malsaniĝi je triĥinoj, el ansero je solvermo, pikvundo de fiŝosto povas okazigi mortan gangrenon, sed el pomo, el piro, el banano nenio danĝeras. Post la mamo ordinara infano sopiras al kukoj, fruktoj, nuksoj, mielaĵoj, sed la viando ĝin ne ĉiam logas. Nur ama perforto de kara panjo kutimigas infanon al la nenatura nutraĵo. Ĉiutage okazas batalo, infanoj ne volas buljonon, infanoj ne volas kokidon, infanoj atendas deserton — kukon, frukton. Kaj la panjo parlamentas: se vi volas ricevi deserton, unue manĝu da buljono, da viandaĵo . . . Infanoj suferas, martiras, kaj tiel atingas la deserton. Post dekjara luktado la infanoj jam kutimiĝis al viandaĵoj, kiuj cetere ekscitas la nervaron. Tiu ekscito elvokas bezonon de tabako, vino, biero, brando ktp. Tiel kreiĝas moderna viro, kiun volas imiti moderna virino. Rezultas nuna alta societo, senvola, senkaraktera, nervomalsana. En okazo de socia konflikto tia societo pereas, ĝin piedpremas malalta socio, malpli degenerita, pli volforta. Tiuj konfliktoj periode okazas, historio ilin nomas mortoj de imperioj, de kulturo. Tiel pereis diboĉa Babilono, mola Romo, delikata Ateno. Oni komencas malŝati nigran panon, simplan veston, puran akvon, kaj oni finas sub kalkano de l' barbaro aŭ sklavo ribelinta. Ideala nutro estas modera nutro, la nutro de niaj prapatroj, egale malproksima de la ekstrema lukso kaj de la ekstrema asketeco. Nur modereco permesas tiun ekvilibron de korpo kaj de animo, kiu rezultigas harmonion, trankvilon kaj bonstaton.

Sed ne sufiĉas trovi idealan menuon por sia nutrado, oni devas trovi ankaŭ decan mezuron pri la nutrokvanto. Maiza greno kun akvo certe aspektas tute asketa manĝaĵo, sed ĝi povas supergrasigi la porkon. Rostitaj fazanoj kaj bananoj ŝajnas por eŭropano la luksaĵo, tamen ili estos asketiga manĝo, se oni ilin

dozos en malgrandaj kvantoj potage. Tro granda kvanto da nutraĵo estas danĝero por la sano. Medicino pruvas, ke triono da ĉiuj malsanoj devenas el tro riĉa, tro abunda nutrado, nome la malsanoj de reno, hepato, intestaro, stomako, lieno ktp. Se homa korpo povus ĉiam forĵeti la superfluan kvanton da manĝaĵo, tiam ne ekzistus la danĝero de la tromanĝado. Sed homa korpo povas kutimiĝi, adaptiĝi al la tromanĝado — per internaj organŝanĝoj: plivastiĝo de ventro, plifortiĝo de digestado, pliintensigo de salivado. Tiu nova transformita korpo povas vivi nur ĝis 50 aŭ 60 jaroj, sub ĉiama minaco de apopleksio, sed normale vivi ĝi ne plu povas. Oni prave konsideras la tro grasajn personojn malsanaj, ĉar vere ili nenormale marŝas, nenormale dormas, nenormale spiras.

Tamen oni ne povas konvinki ĉiujn pri la neceso de modesta kaj modera manĝado, ĉar oni ofte respondas jene: bongusta manĝaĵo estas mia ĉefa konsolo . . . bona „tablo" estas mia sola ĝojo . . . se mi ne manĝos bone, mi perdos vivdeziron . . ! — Kaj laŭ sia vidpunkto tiaj respondantoj estas pravaj: oni ja edukis ilin tiel, ke ili ne vidas en la vivo pli altajn ĝojojn, pli agrablajn aĵojn, ol la „bona tablo". La sporto, kiu revenigas homojn al la naturo, jam estas granda kuracilo kontraŭ la gastronomio. Oni ne povas esti bona sportulo, se oni tro multe kaj tro lukse manĝas! La ideaj movadoj siavice savas homojn de la stomakkulturo, ĉar la cerbo tro okupita per spiritaj aferoj igas la stomakon silenti kaj kontentiĝi je malmulto. La demando pri ideala nutro do estas intime ligita kun demando pri ideala homtipo. Kiu alten sopiras, tiu tute nature ne ŝatas ĝuadojn de la „bona tablo", tiu nek havas tempon nek deziron profundiĝi en la abismojn de belmanĝa gastronomio.

Ĉefa bazo de la „bona tablo" estas ne tiuj aĵoj, kiuj nutras homon, sed kiuj agrable ekscitas ĝin, nome la viando, la fiŝo, la spicoj, la alkoholaĵoj. Tradicia festo en Eŭropo, ekzemple Pasko aŭ Kristnasko, estas karakterizata per pliabundaj kaj pliluksaj manĝaĵoj el porko, ansero, ŝafido, dindo, kun mustardo, sojo, vinagro, vino, likvoro, brando. Tio estas la bela menuo por la publiko. Kaj ĉiu, kiu volas trovi la sanan menuon por higiena nutrado, tiu fine konfesas, ke ĝuste la bela menuo devas malaperi el la tablo de l'moderema homo. Fine ni vidu opiniojn de eminentaj fakuloj.

Profesoro *Meĉnikov*, bakteriologo ĉe la Instituto de Pasteur en Paris: „Estus vera progreso se ni forlasus la modernan kuirarton kaj revenus al la simplaj nutraĵoj de niaj prapatroj."

Zoologo *Haeckel*: „Kian ajn parton de la homa korpo ni konsideru, ĉiam ni trovos, post plej preciza esploro, ke la homo pli proksime rilatas kun superaj simioj (puraj fruktomanĝantoj) ol tiuj lastaj rilatas kun plej malsuperaj simioj."

Fama *Cuvier*: „La natura nutraĵo de la homo, juĝante laŭ la korpa strukturo, estas fruktoj, radikoj, vegetaĵoj."

*Adam Smith*, fondinto de la politika ekonomio, skribis: „Estas ja dubinde ĉu buĉita manĝaĵo ie estis necesa por la homa vivo. Greno kaj ceteraj vegetaĵoj, kun lakto, fromaĝo, butero, oleo, povas doni tute sufiĉan kaj plej sanigan dieton."

*Richard Owen*: „Proksima simileco inter la simia kaj la homa dentaro montras, ke la homo pli speciale estas adaptita por manĝi la fruktojn de la arboj."

*Charles Kellog*: „Karnomanĝa besto eligas odoron kiu avertas birdojn de arbaro, ke la malamiko estas proksima. La sama odoro eliĝas el personoj kiuj manĝas viandon, kaj birdo timas tiajn homojn."

Profesoro *Gautier*: „Sistemo de modifita vegetarismo iom post iom forigus la furiozajn kaj sovaĝajn elementojn el la homa karaktero kaj plenigus la mondon je delikataj moroj."

*Lord Byron*: „Manĝado de viando donas al ni la inklinon de besto."

Poeto *Cowper*: „Viando estas maljuste akirata, kaj malmulte valoras."

*Maeterlinck*: „La rezultatoj de la vegetara reĝimo estas pli bona sano aŭ resaniĝo, rimarkinda plifortiĝo kaj mensa pliklareco, vigliĝo, bonstato, tiaj, kiaj povus rezulti pro liberiĝo el iu abomeninda subtera malliberejo."

*Charles Darwin*: „Laŭ observoj de mia avo, de mia patro kaj de mi mem, faritaj dum pli ol jarcento, mi opinias, ke nenio kaŭzas tiom da sufero, malsano, malplezuro, kiom la deziro por alkoholaĵoj."

*Liebig*: „Oni povas pruvi kun matematika certeco, ke kulero da faruno enhavas pli da ‚nutro ol kvar kruĉoj da plej bona bavara biero."

Doktoro *Lorenz*: „Mi estas kirurgo. Mia profesio postulas, ke la cerbo estu klara, la muskoloj firmaj, la nervoj neŝanceleblaj. Neniu povas trinki alkoholaĵon sen malakrigi tiujn korpopovojn, kiujn mi ĉiam devas havi akraj. Kiel kirurgo mi ne devas trinki alkoholaĵojn."

*Richard Cobden*: „Ĉiutaga sperto konvinkas min pri tio, ke la abstineco estas fundamento de ĉia socia kaj politika pliboniĝo."

Originale verkis *O. D. Ribaulb*.

---

# Malpermesa (kontraŭalkohola) leĝo en Finnlando.

De *A. Suomalainen*.

Je fino de la 18a kaj komence de la 19a jarcento estis la popolo de Sveda Finnlando unu el la plej malsobraj en la mondo. Tiam ĉiu loĝanto konsumis puran alkoholon pojare meznombre 10 l. Nature la postsignoj estis tre rimarkeblaj kaj ilin plimultigis la kaŭzo, ke la finnoj estante ebriaj estas tre furiozemaj. Ankaŭ la regantoj rimarkis la aferon. 1816 skribis la estro de gubernio Turku (Abo), Karl Mannerheim, al la registaro i. a.: „Ebrieco kaj facilanimeco inter la popolo de Finnlando estas mirinde kreskintaj. De tio devenas krimoj kaj malriĉeco."

La senato de Finnlando donis multajn ediktojn kontraŭ la drinkemo, sed ili efikis malmulte, ĉar ebriigaĵojn oni preskaŭ ĉie facile ricevis. En la mezo de la jarcento oni fabrikadis en ĉirkaŭ 40000 brandfarejoj, kaj oni konsumis dum ĉiu jaro po persono 5-7 l. puran alkoholon. Bonaj sekvoj estis pro malpermeso (1866) pretigi brandon en la hejmoj. Tuj post la leĝo malaltiĝis la konsumado ĝis 1,16 l. ĉiujare po persono. La plibonigo de la stato kuraĝigis la civitanojn, kiuj batalis por la bono de la popolo. Samtempe disvastiĝis en finnaj rondoj „fennomanio" (nacia entuziasmo) kaj post kelka tempo komencis efiki la moderna, tutsobrecon postulanta abstinenca movado. Per la kunefiko de ambaŭ fortoj oni batalis kontraŭ la malhelpaĵoj de popola feliĉo, ankaŭ kontraŭ alkoholismo. Daŭra sperto instruis: kiom estas por abstinenca kleriga agado forta kaj laŭleĝa kontraŭdrinkada laboro severa, tiom malforta estas la alkoholkonsumado.

Pro tio oni komencis en vastaj rondoj penadi al tutmalpermeso. La ideo ne estis nova. Jam 1816 Finna Ekonomia Societo ricevis proponojn pri malpermeso de brandkonsumado. Poste oni donis preskaŭ samcelajn proponojn aŭ al la registaro aŭ al la parlamento 1854, 1863, 1885, 1888, 1900 kaj 1904, sed sen rezulto. La malpermesa ideo vivis en vastaj popolamasoj, sed ne ĉe tiuj, kiuj havis plej multe rajton regi. Ke ni komprenas la lastan, ni devas scii, ke tiam, kiel tra jarcentoj, estis en la lando kvarĉambra parlamento. En la unua ĉambro sidis la reprezentantaro de nobelularo, en la dua pastraro, en la tri burĝaro kaj en la kvara bienposedantoj. Ĉiuj ĉambroj havis egalvaloran voĉnombron unu kontraŭ la alia.

1905 okazis granda striko en tuta Ruslando, ankaŭ en Finnlando, kaj unu sekvo de tio estis, en la lastenomita, ricevo de

unuĉambra parlamento kaj ĝenerala voĉdonrajto. Volo ricevi malpermesan leĝon estis forta en la popolo. Kiam la unuĉambra parlamento kunvenis unuan fojon, el la 200 parlamentanoj 113 donis voĉon por la „malpermeso", kaj la leĝo estis 1907 unuanime akceptata. Sed por funkcii ĝi devis esti sankciita de la rusa imperiestro. Li rifuzis. La parlamento ellaboris 1909 novan iomete el la antaŭa ŝanĝitan leĝon. Sed la sankcio ne venis. Pro tio la parlamento dufoje, 1911 kaj 1914, petis sciigon pri la sorto de la leĝo.

En la lastenomita jaro eksplodis la granda mondmilito. Tiam per dekretoj oni okazigis staton preskaŭ similan al „malpermeso". Bonaj efikoj de ĝi sekvintaj estis eksterordinare kontentigaj. Multaj benis la militon, kiu donis tiom da bono.

1917 okazis en Rusujo revolucio, kaj nun, kiam la estinta estro estis eksigita, ricevis la malpermesa leĝo sankcion de l' intertempa registaro de Rusujo kaj komencis efikon en junio 1919. La malpermesdekretoj efikis ĝis tiam sen paŭzo. Tiamaniere la malpermeso laŭ aferoj estas estinta en la lando de 1914, kvankam ne sub tia nomo ĝis 1919.

Vastaj popolamasoj kredis, precipe laŭ la lastaj spertoj, ke la reĝimo de alkoholo neniam ekkomencos regi en la lando. Tiel feliĉe ne okazis. La mondmilito kaj la intercivitana milito 1918 estis tiom malmoraligintaj la popolon, ke multaj ne obeis la leĝon. Ankaŭ en la leĝo estis „truoj". Pro tio la parlamento ellaboris novan malpermesan leĝon 1922, iom pli severan ol la antaŭa. Tamen la sekvantaj okazintaĵoj ne estis tiom kontentigaj, kiel oni esperis inter abstinenculoj, sed certe la stato sen malpermeso estus multe pli malbona ol ĝi estas nun.

El la finna, kun permeso de la aŭtoro,
tradukis *H. Salokannel.*

---

# La kuracado natura.

*H. G. Wells* rimarkigas, en unu el siaj lastaj verkoj, „The Dream", (La Revo), ke „Preskaŭ ĉiu homo de la nuna tempo malsanas, kaj en la resto la sano estas difekta."

Supozeble, vi ĉiuj spertis kiel la kuracistoj malkonsentas inter si. Vi malsanas — vi vizitas du kuracistojn — kaj ambaŭ klarigas, ke vi havas du diferencajn malsanojn. Vi vizitas la trian kaj li certigas al vi, ke vi estas viktimo de tute alispeca malsano.

Aŭ eble vi jam estas certa pri la speco de via malsano kaj vi volas nur koni rimedon kontraŭ ĝi. Vi vizitas tri kuracistojn, kaj ĉiuj tri konsilas diferencajn traktadojn.

Tamen, nenecesas doni pluajn ekzemplojn — la simpla vero estas ke la faktoj estas eĉ pli malbonaj ol *G. B. Shaw* montras en sia verko „The Doctors Dilemma". Ni povas ja konstati ke, la kuracistoj malofte konsentas pri la speco de malsano: kaj eĉ kiam ili konsentas pri ĝi ili malkonsentas pri la plej bona maniero forigi ĝin.

Plue, miloj da personoj vivas ankoraŭ, kiuj laŭ la opinio de la kuracistoj, devas esti mortintaj antaŭ longa tempo.

Sed nun fine okazas granda ŝanĝo, eĉ en Anglujo, ĉar dum la lastaj du-tri jaroj ni aŭdis paroli ĉiuflanke pri mirindaj resanigoj per la metodoj naturaj.

Kia estas la principo fundamenta de tiuj metodoj?

Estas jene:

> Obeo al la leĝoj de la naturo kaj kooperado kun la granda konstruanta povo kiun la naturo donis al ni.

Sekve, ni devas spiri kaj manĝi, pensi kaj agi, unuvorte vivi, konforme al la leĝoj naturaj. Se ni vivas malkonforme, ni malsanas.

Ekzistas ja nenia mistero pri la malsano: estas simple afero de kaŭzo kaj efiko. Do, se oni komprenas la principojn de la kuracado natura, oni ne timas malsanon kiom ajn grava ĝi ŝajnas.

Antaŭ ĉio necesas, ke ni havu sanon de la menso: la krea povo de la naturo ne povas resanigi nian korpon se ni ne havas sanan menson. Por ke la menso estu sana, ĝi devas esti tute plena de volo al la sano, kaj tiu volo kuŝas interne de la paciento mem: ĝi ekzistas en ĉiu homo, kvankam ofte oni tute ne scias ion pri ĝi. Kelkafoje oni scias pri ĝi, sed bezonas helpon de aliaj por plifortigi tiun volon.

Eble vi aŭdis pri la multaj „practical psychology" kluboj kiuj elkreskis lastatempe en niaj grandaj urboj. Tiuj kluboj sentas la neceson de kunhelpo: „kie du, tri kunvenas en mia nomo", tie la mirakloj povas okazi. Tial, la unua devo de ĉiu kuracisto estas helpi al la paciento agigi lian volon al la sano — veki en li la fidon — konvinki lin pensi kaj agi plena de espero — unuvorte fari el la paciento ardan esperulon.

Havante grandan esperon, li devas agi kaj pensi pozitive kaj neniam negative: se li pensas pozitive li nepre resaniĝos, ĉar lia vivo, lia tuta personeco, radiigas la konstruantajn fortojn de la naturo. Aliflanke, se lia menso estas plena je timo, malkontento, malamo, kolero kaj malespero, ĝi estas malsana kaj ĝi venenigas lian korpon.

La rezultoj de la natura kuracado montriĝis jam de longe en la mirakloj atingitaj de Mrs. Eddy, Dr. Coué, Mr. Hickson ktp. plue, ofte en la novaj „practical psychology" kluboj.

La dua afero, necesa por atingi sanon de la korpo, estas taŭga dieto. Nur per du manieroj povas la korpo veneniĝi: per malsana menso — per maltaŭga nutraĵo.

Nun vi demandas: kia estas nutraĵo konforma al la naturaj leĝoj? kaj kia estas malkonforma? Estas sep ĉefaj eraroj en la ordinara manĝado:

unue: manĝi tro multe;
due: manĝi tro ofte;
trie: manĝi tro rapide;
kvare: manĝi tro da amelooj, azotaĵoj, proteidoj, sukeroj ktp.;
kvine: ricevi tro nesufiĉe da mineralaj saloj, da vitaminoj kiuj sin trovas en la krudaj fruktoj kaj vegetaĵoj;
sese: konsumado de falsigitaj kaj senvivaj nutraĵoj, ankaŭ de stimuliloj, narkotiloj kaj drogoj, ekzemple polurita rizo, kaj rafinita sukero: faruno blankigita per venena gaso; ankaŭ la malrapide venenantaj ekscitiloj: teo, kafo, viando, fiŝo, moluskoj;
sepe: malbonaj kombinoj de nutraĵoj: ekzemple fruktoj kun amelaĵoj, fromaĝo kun azotaĵoj.

Plue, ni devas zorgi ke la nutraĵo enhavu abundon da alkalioj, kaj ne tro da acidoj. La korpo batalas senĉese kontraŭ acidoj — multaj dietaj spertuloj, eĉ ortodoksaj konsentas hodiaŭ, ke la acideco preparas vojon por tuberkulozo, diabeto, kancero, reŭmo, artrito, ekzemo, ktp.

Ŝajnas ke por havi bone ekvilibritan nutraĵon oni devas bazi la proporcion ne laŭ la kvanto da proteinoj, grasoj kaj ameloj, sed laŭ la rilato inter acidoj kaj alkalioj. Malfeliĉe, nek la kuracistoj nek la publiko scias tiun fakton.

Nun vi demandas, kiaj estas manĝaĵoj alkaliaj? La jenaj: salatoj, laktuko, kreso, tomatoj, brasikoj, brasiketoj, florbrasikoj, spinaco, cepoj, poreoj, karotoj, pastinakoj, napoj, betoj, celerio, cikorio, rapoj, — ĉio krude manĝata.

Ankaŭ krudaj fruktoj, kiuj faras la sangon malpli alkalia sed neniam acidan, estas: oranĝoj, citronoj, vinberoj, piroj, persikoj, pomoj, ĉerizoj, fragoj, riboj kaj sekigitaj fruktoj, kiujn neniam oni kuiru kun sukero, aŭ metu en sukeron, ĉar la sukero kaŭzos acidon kaj fermentadon.

Estos ankaŭ grave ke vi konu kiuj estas la manĝaĵoj acidaj

Jen ili: amelaĵoj: ekzemple blanka pano (kiu estas tre malsaniga), pastaĵo, kukoj, amelaj pudingoj kaj laktaj pudingoj (faritaj el tapioko, makaronio ktp.); sukeraĵoj: bombono ĉokolado, konfitaĵoj kaj ĉiuj rafinitaj sukeroj; viando, fiŝo, lardo, mielo, teo.

Notinde estas, ke la sukeraj manĝaĵoj okazigas la acidon, sed la fruktaj acidoj kaŭzas la alkalion.

Mi devas ĉi tie diri iom pri la proteinoj kiuj nutras novan histon (ĉelaron). Nuksoj estas granda fonto de proteinoj Ili estas perfekta nutraĵo havigante tre koncentrite proteinojn, grasojn, amelojn kaj salojn mineralajn, sed ni devas atenti, ke ni ilin ne manĝu troe, ĉar la nuksoj estas pli nutraj ol la viando, pezo por pezo.

Fromaĝo estas tre valora nutraĵo, sed ankaŭ tre koncentrita.

Ni devas memori, ke troa manĝado de proteinoj igas la kanceron, do ni devas ne manĝi pli ol 60—120 gramojn da proteino tage.

Per dieto de krudaj vegetaloj, fruktoj kun nuksoj iom pala vizaĝ-koloro iĝas pli kaj pli ruĝa, kaj la okuloj iĝas klaraj kaj helaj. La humoro trankviliĝas ĉar jam ne estas toksinoj kiuj agacas la nervojn. Viro kiu laboras endome kaj sidade, povas vivi sole per fruktoj krudaj kun nuksoj.

Por konservi maksimumon de la sano, oni manĝu nur krudajn fruktojn por matenmanĝo, saladojn por lunĉo kaj kuiritajn vegetalojn por vespermanĝo. Ĉi tiu estas tre grava por certigi sufiĉe da mineralaj saloj, tio estas saloj de la fosforo, kalko, fero. Por la multevaloraj vitaminoj ni devas aldoni nuksojn aŭ fromaĝon.

Ni memoru ankoraŭ pri unu grava punkto. La homo bezonas nur iometon manĝi, sed nemultaj komprenas kiometon, tial la plimulto fosas sian tombon per siaj dentoj. Ĉi tiu fakto estas absolute vera. Jen ekzemploj por montri, ke ni povas energie vivi per iometo: en la granda milito Generalo Birdwood dum la tuta militiro manĝis nur du manĝojn tage. Unu tribo, kiu vivas apud Himalajo, manĝas nur grenon, fruktojn kaj lakton de kaprinoj. Ili havas harmonian korpformon, kaj neniam malsanas malgraŭ la malbona higieno. Pluе ili estas longe vivaj. La plej bela kaj perfekta fizika tipo en Eŭropo estas la boatisto de Konstantinoplo kiu ekzistadas nur per akvo kaj certaj fruktoj krudaj.

Krom la maltaŭga dieto, la drogoj mallongigas la vivon. La difekto kaŭzita de la kinino estas terura, sed tiuj teruraj rezultoj evidentiĝas nur post multaj jaroj. Kiel ekzemploj de la rezulto de malutila drogo, oni povas citi la kalvon kaŭzita de arseno, la paralizon kaŭzitan en mezepokoj per hidrargo (merkuro); mi mem konas infaneton al kiu fama kuracisto en Cambridge donis bone konata „grey powder“ ĉiutage por la mallakso, estas eble, ke li estos paralizita en la zenito de la vivo. Nemultaj homoj konscias la ruinigajn rezultojn de la ordinaraj medikamentoj. Multaj homoj nun scias kiel danĝere estas uzi ian ajn medikamenton alopatan.

La drogoj (preskaŭ ĉiam danĝeraj) tuŝas nur la simptomojn, neniam la kaŭzon fundamentan. En tio kuŝas grava diferenco inter nia kuracado kaj tiu de la kuracisto ortodoksa. La febroj malaperas mem, se ni ne traktas ilin per drogoj; dum febroj estas grave helpi la naturon per uzo de akvo kaj per fruktaj sukoj. La kuracisto natura scias, ke ne estas danĝero en la febroj, eĉ kiam la temperaturo estas tre alta.

Jen ankoraŭ alia diferenco tre grava — nome pri operacioj. Ni opinias, ke la operacio rekreskigas la malsanon: ekzemple, kanceron. Eĉ multaj kuracistoj ortodoksaj pensas nun, ke la operacio elvokas la rekreskon de la malsanoj.

Laste, mi finos rakontante ekzemplojn kiujn mi mem traktadis. Ili pruvas senliman povon de la naturo por resanigi ĉiujn malsanojn, eĉ gravajn.

Unua ekzemplo:

Maljuna viro sepdeksep-jara, malsanis dum multaj jaroj pro granda kancera tumoro en la stomako. Ĝi estis eltranĉita antaŭ tri jaroj en Londona hospitalo. Poste li tamen suferis pro mallakso kaj granda doloro post manĝado. Ankaŭ li malsanis je la koro kaj de reŭmatismo. La kuracistoj ortodoksaj deklaris, ke li estis neresanigebla. Post unu semajno de la natura dieto la doloro kaj la mallakso ĉesis, kaj iom post iom la koro fariĝis tute sana — tiel ke li povis grimpi montetojn sendolore. En Novembro lia pezo estis 101 funtoj kaj en la sekvanta Marto 140 funtoj, kvankam li manĝis malpli ol iam en la vivo. Li remalsanis nur unu foje post kiam li rekomencis manĝi ĉe la tehoro buterpanon kaj kukojn kun teo. Por resanigi lin, mi ordonis al li fastadi dum tri tagoj, nur trinki oranĝ-sukon; tio sukcesis. Ni memoru, ke la fastado estas bona rimedo por ĉiuj specoj de malsanoj, precipe kiam ili estas danĝeraj aŭ kronikaj.

Dua ekzemplo:

Juna viro tridek-jara malsanis dum dekkvin jaroj pro bronkito kaj astmo, ankaŭ dum kvar jaroj pro ekzemo sur la tuta korpo kaj de la naza kataro. La kuracistoj ortodoksaj ĉiam diris, ke li estas nesanigebla. Li suferis terure nokte kaj tage, kaj li estis tute senespera. Post du semajnoj de la natura dieto, la astmo kaj la bronkito ĉesis iom post iom. Amela manĝaĵo kaj la blanka pano estis al li malpermesitaj, li manĝis nur iom da bruna pano rostita, multajn vinberojn kaj aliajn fruktojn krudajn, ankaŭ abundon de saladoj. Antaŭ la fino de Marto li estis resanigita.

Tria ekzemplo:

Viro kvardekses-jara malsanis dum multaj jaroj pro epilepsio kaj perdo de la memoro. Li loĝadis kun sia kuracista frato por esti resanigata. Malfeliĉe oni donis al li bromidon, tial liaj nervoj iĝis pli kaj pli malfortaj. Kuracistoj ortodoksaj ĉiam receptas la bromidon por epilepsio Post ses semajnoj da natura dieto li skribis al mi, ke li estas pli sana ol li iam estis dum multaj jaroj.

Kvara ekzemplo:

Juna virino dudekses-jara malsanis dum multaj jaroj pro ftizo. Spertulo de Harley Strato diris, ke ŝi povas vivi nur naŭ monatojn. Ŝi havis nur unu pulmon, tusadis ĉiam kaj suferis pro sangado. Per dieto el fruktoj, saladoj kaj iom da pano rostita (lakto, kremo, butero, ovoj ktp. estis malpermesitaj), ŝi resaniĝis dum tri semajnoj: la sangado kaj la tuso ĉesis, kaj post ok monatoj ŝi povis ree fari sian laboron.

Kvina ekzemplo:

Viro kvindek-jara malsanis dum multaj jaroj pro diabeto (sukermalsano), neniuj kuracistoj povis lin resanigi. Fine oni konvinkis lin provi dieton el krudaj fruktoj kaj saladoj, sen pano aŭ amela nutraĵo. Li baldaŭ fariĝis pli sana.

Antaŭ ol fini tiun ĉi artikolon mi deziras memorigi al vi la idealon de la grekoj antikvaj: menso sana kaj bela en korpo bela kaj sana.

*Tagulino.*

*

*Noto de la redakcio.* La metodo de la natura kuracado, kiun entuziasme prezentis S-ino T. en la supra artikolo, ne estas nova per si mem. Dum Mezepoko ĝi estis plurfoje predikata. Antaŭ Kristo ĝi estis praktikata kaj rekomendata de la saĝuloj, ekzemple de *Patanĝali* en liaj „Sutras“. Hindaj jogoj ĝin perfekte konas, kaj multaj historie-konataj pensuloj ĝin praktikis gvidataj de la sana instinkto. Post longa intertempo la okcidenta Eŭropo denove rememoras pri la antikvaj veraĵoj kaj prezentas ilin al la novaj generacioj kiel ion antaŭ nelonge trovitan, kiel lastan vorton de la scienco.

# Nia kalendaro kaj ĝiaj difektoj.

La difektoj ekvidiĝas, se oni observas la kliŝojn:




**Julio Cezaro en jaro 46 a. Kr. rejetante la egalmonatojn je 30 tagoj kune kun Sosigeno rajte singardema.**

La egipta astronomo Sosigeno, kiam Julio Cezaro ordonis al li fiksi jaran tagkalendaron — por anstataŭi la Romanan Lunan Kalendaron, kiu havis alterne monatojn de 29 kaj 30 tagoj (kiel la ĉinoj ĝin uzas nun) — nature proponis la egiptan sistemon de 12 egalmonatoj je 30 tagoj, ĉiu kun 5 nemonataj festotagoj je la fino de l' jaro. Malfeliĉe por Eŭropanoj Julio Cezaro, kiu laŭ Roma kredo opiniis, ke „ne-egalaj nombroj alportas feliĉon", forprenis la 30-an tagon de februaro kune kun la 5 festotagoj kaj aldonis ilin kiel 31-an tagon de la monatoj januaro, marto, majo, julio, septembro kaj novembro. Oni povas imagi Cezaron, dirante: „Ĉu vi atendas de mi la reganto de la plej potenca Imperio, kiun konis ĝis nun la mondo, simple kopias la 30 tagan sistemon de la venkintaj egiptanoj?" La Roma Popolo kredis, ke ne-egalaj nombroj feliĉigas. Tiu stulta kredo instigis la Romanojn, kiuj estis pagataj monate. Iliaj „ne-egalnombraj" 29-tagaj monatoj estis „feliĉaj", alportante la saman pagon por la alternaj 30-tagaj monatoj.

Komparoj inter la 1-a, 5-a kaj 6-a rompitaj semajnaj kolonoj kaj tiuj de la 2-a, 3-a kaj 4-a plenaj semajnoj, malkovras la plej seriozan difekton de la kalendaro. Eĉ eŭropanoj uzis la septagan semajnon nur 350 jaroj post kiam niaj monatlongecoj estis fiksitaj. (Vidu kliŝon 1 kaj 2).

Homoj ĝenerale gajnas kaj salajras pomonate, sed ili ne havas la bezonatan egalvaloran monatmezurilon, escepte por malliberuloj, kies monatoj nombras je 30 tagoj. Kiu alia povas diri kio estas vere monato?

Niaj monatoj varias de 28, 30 ĝis 31 tagoj, 11 % da diferenco; tamen, la samaj monataj salajroj, luprezoj ktp. estas maljuste pagitaj. Marto 1922 havis 14 % pli da labortagoj ol februaro kiu estas nur unu dektriono de la jaro, sed preskaŭ ĉiuj komercistoj kalkulas por ĝi unu dekduonon de la jaraj elspezoj.

La senĉesaj konfuzigaj ŝanĝoj de la tagnomoj por la sinsekvaj monatoj — per la entrudigo de la 53-a labortago por la 31-a Decembro, kaj krom-tago — kaŭzas diferencojn maloportunajn al ĉiuj, erarigante en la komercaj, kiel en la publikaj aferoj, kiel evidentigas komparo de diversaj monataj produktokapabloj por plenaj labortagoj de lundo ĝis vendredo plus duontago por la sabatoj. Statistikoj de importado kaj eksportado ktp.

La ŝanĝantaj tagnomoj ankaŭ puŝas Kristnaskon, Novjaron kaj aliajn festotagojn al dimanĉoj aŭ al mezo de la semajno, dividante ĝin tiamaniere. Ili senigas milionojn da laboregantaj homoj en ĉiuj nacioj de la ŝatata plilongigita libertempo kiun ili ĝuas, kiam tiuj festotagoj estas alligitaj al sabato, aŭ duonfestotago aŭ dimanĉo.

La ne-egala linio de la semajnoj, kaŭzita de la monatoj, kaj pligravigita per la partsemajnoj dividitaj je la monatlinoj, ŝarĝas komercon kaj socian vivon per lacigaj notoj, limigoj kaj zorgoj, speciale ĉar semajnaj salajroj ne akordiĝas kun monataj luprezoj, kontoj ktp.

Kvin sabatoj reokazas en 4 aŭ 5 monatoj de nia jaro, tiam dommastrinoj estas kalendare devigataj aĉeti la provizojn de la kvina semajno el la egalmonata enspezo. Tio igas multajn fari ŝuldojn. Al edzoj kaj aliaj mankas mono kiam venas pli longa monato kun kvina sabato.

La malegalecoj de duon- kaj kvaronjaroj konfuzigas. Ili kaŭzis nejustajn diferencojn en komerco dum la jaro 1922:

| | Jaro | Duon-jaro | Kvaron-jaro |
|---|---|---|---|
| semajnaj tagoj | 365 | 181—184 | 90—91—92—92 |
| efektivaj labortagoj | 286½ | 142—144½ | 70½, 71½, 72, 72½ |

Pasko fiksita laŭ la lunfazoj igas por tiu festo kaj aliaj malkonstantecon varianta ĝis 35 tagoj antaŭe aŭ malantaŭe. Ĝi devigas lernejan, licean, juran, leĝodonan kaj aliajn periodojn al maljustaj longecoj, kaŭzantaj maloportunecon kaj gravajn perdojn al ĉiuj okupitaj pri fabrikado kaj komerco de ŝtofoj kaj ĉapelaĵoj, pri transporto, al hoteloj, restoracioj kaj publikaj lokoj por libertempo kaj ripozo.

La financa perdo kaŭzita ĉu per frua, ĉu per malfrua Pasko ne estas la sola, kvankam ĝi atingas cent-milionojn da dolaroj tra la tuta Kristanaro. Pro frua Pasko, la sano de infanoj ĉefe estas malprofite influita, same kiel la sano de laboristoj en ĉiuj kristanaj landoj. Pro tio, la nuna junularo, serĉante la fonton de tiuj malutilaj efikoj, tute nature estis alkondukita al riproĉo al la ekleziaj aŭtoritatoj de la religioj roman-katolika, orient-ortodoksa kaj anglikana pro la laŭ-lunfaza fiksado, ĉar tiu sistemo devenas de antaŭ pli ol 1600 jaroj, kiam kristanoj vivadis ĉirkaŭ la mezmaro kaj estis devigataj vojaĝi al Aleksandrio, Antioĥo ktp. per ŝipetoj ne havantaj lumturojn aŭ kompason por gvidi ilin. Sekve ili bezonis la lunlumon por protekti ilin kontraŭ danĝeraj marbordoj kaj preterpasantaj ŝipoj.

Tiu fiksado laŭ lunfazoj kaŭzis nekalkuleblan malutilon al tiuj grandaj religioj, erarigante la kreskantan generacion. Ankoraŭ nuntempe kelkaj eklezioj limigas siajn kontojn de Pasko al Pasko, kvankam tio signifas kelkafoje 10 % da diferenco por la monkolektoj, ĉar en 23 jaroj 8 havas 55 semajnojn kaj 5 havas nur 50 semajnojn inter la du Paskoj.

## Evolucio de Reformo.

Tiuj kalendaraj difektoj impresis multajn mensojn de ĉiuj gvidantaj nacioj. Rezultè, ili esploris la devenon de la difektoj kaj pripensis la rimedojn. La eŭropaj piedantoj renkontiĝis en Liège (Belgio) dum Majo 1914, kunvokigitaj de S-ro Canon-Legrand, la tiama progresema prezidanto de la Internaciaj Ĉambroj de Komerco. Tiu prepara konferenco estis pli parola ol praktika, sekve malmultan progreson oni konstatis. Poste sekvis la milito, haltante progreson, ĝis kiam en 1921 la Kalendara Komitato de Internaciaj Komercaj Ĉambroj faris kelkajn utilajn sugestojn, kiuj tamen ne estis progreso pro jena ne efektivigebla propono: ke ĉiu nacia komitato petu ĝian religian delegiton pripensi la fiksadon de Pasko ktp. Dume evidente Britlando kaj Usono havantaj 216 religiojn, ne povis klare distingi al kiu sendi invitilon.

La Libera Kalendara Reformo-Asocio invitis la pli praktikajn amerikajn piedantojn okazigi la Usonan Preparan Konferencon en Washington en Februaro 1922 kun la difinita celo: konsideri ĉiujn projektojn prezentitajn por plibonigi la kalendarajn difektojn, elekti tiun, kiu ŝajnas plej bona, kaj tiam rekomendi ĝin al universala adopto. Rezulto estis la jena rezolucio, voĉdonita de la Komitato de Usona Delegitaro.

„Estas decidite, ke tiu Usona Nacia Kunveno pri kalendara reformo subtenas la planon de fiksa internacia kalendaro, opiniante ĝin plej simpla, plej oportune aranĝita kaj la plej dezirinda el ĉiuj al la Kunveno proponitaj planoj, kaj ni rekomendas ĝian adopton al la leĝofaristaro de la nacioj de l' mondo."

Sekvis rezolucio „esprimante dankon de la Kunveno al S-ro Moses B. Cotsworth" kiu estinta iniciatoro de tiu plano antaŭ 30 jaroj fondis la Ligon de Internacia Fiksa Kalendaro en York (Britlando).




**Aŭgusto Cezaro forigis la alternajn 30 kaj 31 tagajn monatojn de Julio Cezaro.**

Aŭgusto Cezaro 1940 jarojn pli malfrue ŝanĝis kaj konfuzigis niajn monatojn. Lia vanta fiereco kaj aroganteco estis la sola kaŭzo de la longeco de arbitraj monatoj februaro, aŭgusto, septembro, oktobro kaj novembro. (Komparu la tri ŝanĝojn faritaj per lia plumo).

Ĉar S-ro Cotsworth, de 1921, oferdone dediĉis siajn tempon, monon kaj unikan sperton por havigi al la homaro la plej bonan metodon de kalendara reformo, ne tro konsiderante sian propran planon, ni intervjuis lin dum lia intensa laborado en Genève, por konstatigi al niaj legantoj la fakte espereblan reformon.

## Plano de Internacia Fiksa Kalendaro.

La projekto de 13 monatoj po kvar semajnoj estis antaŭe unuanime subtenata de la Reĝa Societo de Kanado kaj de la Registaro de Kanado, kiu rekomendis ĝin al Brita registaro antaŭ la milito. Ĝi estis aprobita de pli da influaj organizaĵoj ol estis ia ajn el la multaj proponoj submetitaj al la Reforma Komitato de la Ligo de Nacioj.

Konante la grandan valoron de kalendara reformo per 50-jara sperto kiel ekspertizisto kaj statistikisto, li petis la maturan konsilon de Sir Sandford Fleming, kiu tiel lerte plenumis la internacian laboron de efektivigo de la norma horo. Sir Sandford varme aprobis la movadon kaj iĝis la unua prezidanto de la Ligo por Internacia Fiksa Kalendaro kiu plejparte konsistas el spertuloj en komercaj kaj registaraj aferoj.

S-ro Cotsworth trastudis la arĥivojn kaj kompetentajn metodojn de Sir Sandford. Post insista peto de Sir Sandford, S-ro Cotsworth prenis sur sin la taskon de starigo de kalendara reformo; li forlasis profesian laboron kaj dum kvar jaroj, li konstante konsultis la ĉefajn ekspertizistojn de amerikaj kaj eŭropaj komercoj, registaroj, sociaj kaj sciencaj aferoj.

## La Ligo de Nacioj sin okupas pri la reformo.

S-ro Cotsworth akiris senrivalan sperton en ĉiuj fazoj de la problemo. Tial kompreneble, la komitato de la Ligo de Nacioj petis lin fari la malfacilan klasigon de la ricevitaj ĉirkaŭ 100 proponoj por reformo.

Konkludiĝis ke krom la proponata fiksado de la Pasko-dato, kun kiu, feliĉe, la ĉefaj eklezíaj aŭtoritatoj konsentas, restas nur du utilaj metodoj por praktike plibonigi la kalendaron. La 52 semajnoj devas esti aranĝitaj laŭ jeno:

a) 13 semajnoj en ĉiu kvaronjaro kun 30, 30 kaj 31 tagoj po monato, kaj ŝanĝantaj tagnomoj post ĉiu sinsekva monato, kiel nuntempe;

aŭ

b) 13 egalaj monatoj havantaj po 4 plenaj semajnoj. La samaj tagnomoj estos ripetataj tra ĉiuj monatoj.

Plano a) apartigus Novjartagon kaj kromtagon de la semajnoj kaj monatoj, ne ankoraŭ reguligante ilin.

Laŭ plano b) ĉiu jaro enhavus la lastan tagon, kaj superjaro enhavus kromtagon, ĝi estus 8-a tago aŭ internacia dimanĉo. Jam nuntempe centmiloj da homoj faras same, trapasante la 180-an tagopartigan meridianon, kiam ili vojaĝas de Azio kaj Aŭstralio al Nord- aŭ Sudameriko. Ili estus datitaj Decembro 29a kaj Junio 29a kiel nuntempe ni datas kromtagon Februaro 29an.

## Hebreaj kontraŭdiroj.

La hebreaj rabenoj, kiujn ni ĉiuj plene respektas, pro la dimanĉa ripozo kun ilia religio alportis al Kristanaro, estas preskaŭ la solaj kontraŭstarantoj al tiuj ĝustigoj de ambaŭ planoj, motivante, ke ili distancas la hebrean dimanĉon de la kristana dimanĉo ĉiujare je unu tago, kaj je unu cetera tago en superjaroj, escepte se la hebreoj akceptas la internacian dimanĉon. Sed la rabenoj diras, ke ili ne faros tion, „ĉar tio ruinigus ilian religion".

## Inter-kreda dimanĉo estus granda realigo.

S-ro Cotsworth scias ke, antaŭ ol veni en la komitaton, la eminentaj rabenoj havis nek tempon, nek oportunecon taksi la financan kaj praktikan profiton, kiun ricevus ĉiu hebreo per kalendara reformo. Dum unu jaro, li studadis la problemon ĉe hebreoj en New-York kaj konvinkiĝis, ke hebreoj sin okupantaj pri banko kaj komerco trovos certan profiton per akcepto de internacia dimanĉo, kaj ke la rabenoj ne povas krei opozicion ĉe la plimulto de la hebreoj, kiam ili realigos la profiton donitan al la homaro per internacia dimanĉo.

**Neegala kalendaro nun uzata.**

**La rompado de la monatoj laŭ nuna sistemo.**

Ĉiuokaze, hebreoj nombras je malpli ol 1% de la homaro, kaj kiam la vasta pli potenca kristana eklezio kaj la 68-foje plifórta ne-kristanaro komprenos ke la aldono de unu Jartago kaj unu Kromtago ne nur starigos 53 internaciajn dimanĉojn pojare, sed ankaŭ ke ĝi donos la sepan-tagan ripozon al 600.000.000 azianoj kaj afrikanoj, kiuj ĝis nun ne konis tiun benon, ili ekkomprenos, ke tiu aldono estas pli grava ol la fiksado de Pasko.

Per kompleta reformo de la kalendaro, 75% da profito povas estis efektivigitaj akceptante la planon b) tio estas: 13 monatoj po 4 semajnoj, eĉ ne fiksante Paskon aŭ enmetante unu jartagon kaj kromtagon. Dume la sola profito efektivigebla en plano a) sen tiuj enmetoj, estus la egaligo en kvaronjaroj. Tio estas efektive tre malmultvalora, konsiderante ke ĝenerale oni forsendas proksimume 3780 monatajn kalkulojn kontraŭ nur unu kvaronjara saldado. Pro tio, la bazo por reformo estu egalaj monatoj.

### Meritoj de la du uzeblaj planoj komparitaj.

La sekvantaj 4 profitoj estas komunaj al ambaŭ projektoj, se *jartago kaj kromtago estas enmetitaj.*

1. Tra la tuta jaro ĉiu el la 365 datoj reokazas je la sama tago de la semajno.

2. Jaraj, duonjaraj kaj kvaronjaraj okazintaĵoj povus esti daŭre fiksataj je periodaj datoj.

3. La 52 semajnoj de la jaro estus divideblaj en 26 por duonjaro kaj 13 por kvaronjaro.

4. Ŝatinda ŝparado estas farita en la presado kaj dissendado de kalendaroj. (Taglibro estus ĉiam uzata.)

### Avantaĝoj de 30-, 30-, 31-tagaj monatoj.

1. Kvaronjaroj kaj duonjaroj finas kun monatoj.

2. Ŝparas la resuman parton de la kalkuloj de la 13a monato kiel ankaŭ afrankon kaj paperaĵojn. (La tuta kosto de ili estas nur 1 proc. de la definitive kalkulebla jara ŝparado kiun 13-monatoj povas doni.)

3. En la unua jaro estas bezonata 25 proc. malpli da statistika monata reguligo. Pli poste estas la sama.

Jen la tri solaj avantaĝoj menciindaj. Ili utilas nur al la kelkaj grandaj komercistoj, sed ili, kune kun la tuta homaro gajnus 25-foje pli uzante 28-tagajn monatojn.

### Erarigaj pretenditaj avantaĝoj de la 30-, 30-, 31-tagaj monatoj.

La 12 monatoj estas divideblaj per 2, 3, 4, 6, dume 13 ne estas. Malpli da ŝanĝo de la kutimoj estas bezonata. (Centmilionoj da azianoj, afrikanoj kaj orient-eŭropanoj facile ŝanĝis la kalendaron dum lastaj jaroj.)

Ĉiu monato havas la saman nombron de 26 labortagoj, konsiderataj de ne-spertaj homoj kiel egalaj. (Sed sabatoj en podetala komerco montras la duoblan vendon ol dum aliaj tagoj, dume por fabrikantoj kaj oficistoj, sabato estas ĝenerale duontago.

### Avantaĝoj de la 28-tagaj monatoj.

Ĉiu monato havas 28 tagojn kaj la semajnoj akordiĝas kun la monatoj, tiamaniere komerca kaj socia vivo estas reguligita kaj faciligita. La periodoj por enspezo kaj elspezo estas egalaj, kaj la starigo de statistiko estas faciligita.

Granda ŝparo estas atingita, dume oni malŝparis por tratado, reklamado, presado ktp.

Taksado farita en Usono indikas jaran ŝparon de $ 30000000. En la aplikado de la 13 monatoj la mono, kiu nun cirkulas 12 fojojn en la jaro, cirkulus 13 fojojn. Tial ke, anstataŭ 30 $ kaj 31 $ cirkulantaj nun, nur 28 $ estas necesaj, cirkulante 13 fojojn.

Por certigi fidindan bazon al lia taksado, S-ro Cotsworth havigis al si raportojn de aŭtoritatuloj de diversaj nacioj, kiuj pruvis al li, kiu sumo estus liberigita de la cirkulanta kapitalo. Ili diras, ke la komenca liberigo en Eŭropo estos ĉirkaŭ $ 2000000000.

### Kiamaniere ĉiuj profitas de la 28-tagaj monatoj, dume nur la privilegiitoj profitas de la 30-, 30-, 31-tagaj monatoj.

Ni ne havas sufiĉe da loko por klarigi la simplajn rimedojn uzotajn por liberigi en Eŭropo la $ 2000000000. Ni nur povas atentigi, ke zorga legado de la avantaĝoj pruvas, ke ili profitigis ĉiujn klasojn de la homoj en ĉiuj nacioj, dume la malmultaj profitoj de 30-, 30-, 31-tagaj monatoj estas nur por la malplimulto.

Pro tiuj kialoj S-ro Cotsworth estas konvinkita, ke la internacia fiksa kalendaro-plano per starigo de 28-tagaj monatoj estos nepre akceptita.





S-ro M. B. COTSWORTH
Direktoro de Oficejo de Internacia Fikskalendara Ligo, Genève



### Kiamaniere fariĝos la ŝanĝo al 28-tagaj monatoj.

La enketa komitato rekomendos al la Ligo de Nacioj kaj kristanaj eklezioj, ke Pasko estu fiksata je la dua dimanĉo de Aprilo. Ĝi ankaŭ rekomendos al la Ligo de Nacioj kunvoki internacian konferencon por decidi pri la akcepto de unu reforma metodo.

La internacia konferenco ekzamenos la rekomendojn de la komitato kaj decidos la lokigon de la Novjartago kaj kromtago kaj de la nova monato. Ankaŭ ĝi decidos pri la dato de la enkonduko de plibonigita kalendaro.

Poste, la konferenco sendos rekomendaron al ĉiuj registaroj, kiuj submetos ĝin al ilia leĝofaristaro.

Fine, la kompetentaj kompilantoj de ĉiuj nacioj preparos la kalendaron sur tiu leĝa bazo kaj eldonos ĝin. La publiko trovos ĝin pli oportuna ol la nunan krudan Gregorian kalendaron.

 

# LITERATURO KAJ ARTO



## Beleco kaj utileco.

De *Shigeo Narita.*

Okaze de interesaj artikoloj pri arto (en februara numero) mi havas plezuron prezenti al legantoj de „Esperanto“ la teorion skribitan de Henri Berr, kiun li prezentas en la antaŭ-parolo al „L'art en Grèce“, Paris 1924, kaj kies esencon mi donas sube:

Esplori kia estas la rolo de l' arto en la evoluo de la homaro, tio estas la celo de tiu ĉi verketo.

Por kompreni iom en la vivo kaj en la historio, estas notinde, ke la aktiveco de homoj, de ĉiuj vivantoj, sin montras sub du aspektoj kontraŭstaraj: la laboro kaj la ludo.

La vivo laboras, individue aŭ kolektive, en senfine diversaj kombinoj, por sin subteni, por sin ripari, ĉar ĝi sin foruzas. La vivo laboras por sin defendi, por kreski. Ĝi kreskas per la batalo kaj per la unuiĝo.

La laboro havas celon de la profito praktika, de la utileco. Sed progreso de la vivo, akirita per la laboro mem, ĝin savas de la premanta bezono, kreas eblecojn de libera tempo, liberigas energiojn por la ludo. Labori estas konservi la vivon. Ludi estas ĝui la vivon.

Tuta organizo, tuta progreso de la vivo inklinas ĝin liberigi pli kaj pli de la bezono tuja, havigi al ĝi la liberan tempon — ne nur pasivan: de malstreĉo, de ripozo, de dormo, sed aktivan: por ĝuado.

En la libera tempo, de tiam kiam troviĝas energioj (malsanulo estas libera, sed li ne ludas), tiuj energioj inklinas sin uzi por la plezuro sin uzi, por la senŝarĝiĝo sin elspezi. La tropleno da energio ebligas aktivecon de ludo. Kaj kiel ekzistas bezonoj precipaj kiuj estas la esprimo de la vivo elementa, bezonoj de lukso kiuj estas esprimo de la vivo kreskinta kaj perfektigita, tute same, ekzistas bezonoj de ludo kiuj estas rezultato de la liberigo mem de la bezono kaj kiuj estas eminente la lukso de la vivo.

Oni povas diri, sen paradokso, ke historio de homaj societoj estas historio de la libertempo, de progresoj de la libertempoj, de ĝia distribuo en la klasoj sociaj, de ĝia utiligo.

La sociaj institucioj kiel la organizo ekonomia celas al bono ĝenerala de la societo, al malpezigo de la grupa vivo, sed tiuj homoj, kiuj tenas la povon (por la bono ĝenerala), inklinas uzi ĝin por sia propra bono kaj sin senŝarĝigi de la laboro. Dume tiuj, sur kiuj la laboro pezas, postulas sian parton da bonaĵoj de la vivo kaj faras klopodojn — kiuj iras ĝis la revoltoj — por konkiri, en la fundo, la rajton al la libera tempo.

Manieroj de la ludo estas same multaj kiel la potencoj de l' individuo; kaj ekzistas, fakte, la ludo de organoj fizikaj, de diferencaj sentoj, de diversaj potencoj superaj; ĉio kio servis komence al la defendo kaj al la subteno de la vivo servas poste al ĝia disfloriĝo. Kaj laŭ etapoj de l' evoluo historia, kiel laŭ la aĝo de la vivo individua, aspektoj de la ludo estas treege diversaj.

Unue, devas stariĝi distingo inter *la ludo* kaj *la ludoj* — kiujn oni vidas iomete ĉe bestoj, sed kiuj kreskas plene nur en la homa socio.

La ludo estas por la vivestaĵo la spontana uzo de tro-pleno da energio. Ludoj estas la praktikaj aŭ teknikaj aranĝoj destinitaj por organizi uzon de la libera tempo. Kaj okazas sub la formo de la ludoj — kaj poste de l' artoj — ke la ludo povas esti submetata al la influo de la socio, povas esti eĉ instituciata, kvankam origine ĝi konformiĝas nur al bezono absolute individua. Se la ludo, kiel oni diras, estas iu formo de transiro inter la aktiveco praktika kaj la aktiveco pure meditema aŭ estetika, inter la vivo kaj la arto, la ludoj estas markitaj per karaktero miksita. Infanoj, junuloj, kiuj ludigas siajn organojn fizikajn, havas la kontentecon sperti sian forton, ekzerci povon ĉu sur sia korpo, ĉu sur la mondo ekstera, sur la aĵoj aŭ sur la personoj. La fizikaj ludoj, same kiel la plejparto de l' aliaj ludoj por junuloj kaj plenkreskuloj, produktas kune kun la plezuro de la ludo tian profiton. La ludoj fizikaj estas ŝajnigo de laboro kiu igas la laboron pli facila.

La propra objekto de la arto estas doni al sentoj pere de la tekniko la plezuron estetikan. Kio havigas tian plezuron, tio estas la belo: la arto havas por celo ĝin fabriki; la arto aranĝas, kiel la plej nobla ludo, fontojn konstantajn de ĝuado.

La arto estas duobla: ĝi utiligas la troplenon de tiuj kiuj havas la sentojn plej kreskintajn, la povojn plej riĉajn, kiuj estas kvazaŭ ŝvelitaj de suko kaj kiuj ĝuas en ago kreanta; ĝi servas por la ĝuado meditema de tiuj kiuj havas samajn kapablojn, samajn bezonojn, sed en pli malalta grado, kiuj ne povus, kiuj ne scius sen la unuaj kontentigi sian internan esencon. Ekzistas la artisto, la verko *artista*; ekzistas la amanto de arto, la meditado *estetika*.

Sed la arto, en sia origino, neniam estis sen la utileco: arto sin superaldonas al utilo. La homo komencis kiel artisto ornami objektojn necesajn, plibeligi dekoracion de vivo kiu sin tiris el la bezono severa.

La homo, tuj kiam la kondiĉoj de sia ekzistado al ĝi tion permesis, disvastigis ĉirkaŭ si la eblecojn de ĝuado por ĉerpi el tiu fonto ĉiam preta. La objektoj utilaj povas posedi ankaŭ valoron agrabligan. „En la primitivaj tempoj, kiam la kruda neceso de batalo por ekzisto regis ĉion, tiu valoro speciala estis apenaŭ rimarkata. Sed, iom post iom, kiam venis sukcesoj en tiu batalo por la vivo, kiam la homo havis liberan tempon, li komencis pri ĝi atenti. Li rimarkis, ke la maniero de batalo, kiu ne havis komence por li pli da valoro ol maniero de nutrado, estis ankaŭ objekto agrabla, sendepende de ĝia utileco.“ Tiaj objektoj utilaj iom post iom fariĝis la instrumentoj de ĝuado.

La homo komencis eble de sia korpo. La besto virseksa serĉas konkeri la insekson per koloroj, sonoj, odoroj; tie ekzistas en la potencoj de deziro, ekfloriĝo de vivo, klopodo pri beleco. Ĉe la homo la kostumoj, armiloj, iloj, meblaro, loĝejo: ĉio sin ornamas elegante, ĉio fariĝas „objekto de arto“.

Kiam oni studas la originon de diversaj ornamaĵoj, de plibeligoj, kiujn ricevis la vivo homa, oni povas, oni devas eĉ, trovi intencojn praktikajn, cirkonstancojn sociajn. La tatuado kaj pentraĵo de korpo, la entranĉoj kaj plumoj, la feloj, respondas sendube al la distingoj de triboj kaj rangoj, al la kredoj aŭ celoj magiaj. Sed depost la komenco, eble ekzistas en ĉi ĉio pli-malpli precize ia elemento estetika: „Al la ornamaĵo de la persono, al la temoj mitaj kaj sociaj, aliĝas la allogaĵo farita per la fortaj koloroj, facile percepteblaj por okulo, kiel la blanko kaj nigro metitaj en kontrasto, la flavo, kaj speciale la ruĝo kiuj revokas la sangon.“ Kaj jen venas momento kiam la simbolismo malaperas, dum aperas la celo estetika.

Laŭ la inklino al la imitado aŭ la esprimo la artoj konsistigas du grupojn: pentrado kaj skulpto, unuparte; danco kaj muziko, aliparte. La arto beletrista, plej riĉa kaj plej malsimpla, partoprenas egale en la du tendencoj.

La literaturo de esprimo, la lirikeco, estas en ia intima rilato kun tiuj artoj, ne diskuteble tre malnovaj, la muziko kaj la danco, en kiuj oni volas vidi artojn primitivajn. Muziko kaj danco plidaŭrigas la esprimon spontanan de la sentado superplena. La bezono de emocio sin kontentigas en regula manifestado: seksa, militema, religia. Tiam la danco, la kanto ne plu havas nur aktorojn, sed ankaŭ publikon. Tiu ĉi publiko kuniĝas kun la

sentimentoj esprimataj: de tie ĝi spertas la plezuron estetikan. Sed ĝi trovas ankaŭ ĉi tiun plezuron en alia elemento: la agordo kaj la ritmo, kiujn realigas la movoj kaj la sonoj.

La ritmo — kiu ekzistas jam en la krioj aŭ la kantoj destinitaj por akompani, por faciligi, por dolĉigi la laboron en kantetoj de draŝo, de ŝpinado, de teksado, de ŝipirado — konsistigas gravan fonton de agrablo. La arto de la formo kaj de la koloro kaj speciale arĥitekturo estas la dua fonto kiu havigas la saman plezuron per simetrio kaj harmonio.

Kio nin interesas ĉi tie, tio estas naturo kaj rolo de l' arto: ĉiuj artoj, ĉar ili esprimas diversajn potencojn de la homo, kapablecojn de la vivo, havas saman fonton, samajn originojn malproksimajn. La ludo malsimpliĝis, diversiĝis, superbeliĝis; sed la arto estas simple kaj tre klare nur ludo.

Ribot en sia *Psychologie des sentiments* ilustris la gravecon de „besoins esthétiques" por la kreskigo de la vivo socia. La homo, diras la aŭtoro, estas „besto estetika" kaj tia estas la komenca vidpunkto: la arto, kiu naskiĝas de tiu eco de l' homo, travivas fazon forte socialan antaŭ sin individuiĝi klare. Sed eĉ tie, kie la influo de la medio estas plej videbla kaj plej profunda, oni ne devas forgesi, ke la arto estas homa aĵo, sekve individua en sia fonto. Komencante de l' individuo la arto al ĝi returnas.

Normale la arto, ĉar ĝi kronas la vivon kaj la agon, entenas, kiel ajn pura kaj neprofitema ĝi estas, elementojn utilajn al la ago. La plezuro kiun la arto havigas povas servi plue al la kono, al la moralo. Per la faro de l' arto (volupto estetika ja estas nur rememoro) la spirito povas esti pli riĉa kaj pli klarvida, la animo pli bona, la ekzistado pli komforta, per la eco de l' ordo kaj de l' ritmo, kiel post la ludo fizika la pulmoj spiras pli larĝe, la muskoloj estas pli fortikaj. La literaturo kaj belartoj ne estas faritaj por la edukado, sed tamen ili estas edukantoj.

La esploro de la bono kaj de la vero konformiĝas al la inklino de la ekzistado; la esploro de la plezuro finiĝas per la senmoveco. Unu analogio esenca ekzistas inter la arto kaj scienco, ĉar tiu ĉi estas ankaŭ speco de ludo; ju pli la scienco estas neprofitema, des pli ĝi ebligas la sekvojn praktikajn, la povon sur la aĵojn, des pli ĝi kreskigas la konscion. La scienco serĉas finfine la paradizon. La arto povas krei paradizojn artefaritajn kaj forgesigi la celon de la vivo: tiam tio estas maniero de Nirvano.

Ĉion konsiderante, se la arto estas simbolo de progreso kaj helpilo en la evoluo de la homaro, la malbonuzo de l' arto estas samtempe signo kaj kaŭzo de la dekadenco.

## La luno rakontas.

*Iĉhak Perec.*

Laca de l' rigardado malsupren, sur la blankan marmoron kaj gaslumon, mi deturniĝis, kaj ekrigardis enflankan straleton.

El kurbigita kaduka dometo eliras nudpieda knabo, malbone vestita (la ĉifonoj sin apenaŭ tenas sur li), kaj el kontraŭstaranta alia domo, preskaŭ ruino, eliras ankaŭ tia knabo.

Alproksimiĝis unu al la alia, kaj mi jam ne povis diferencigi ilin: ambaŭ terure malgrasaj kun flamaj okuloj, ambaŭ tremas de malvarmo kaj verŝajne ankaŭ de malsato...

Mi, aŭskultante ilian interparoladon, aŭdas:

— Ĉu preta? — Kaj vi? — Ankaŭ. — Vi manĝis? — Ne... paĉjo ne alportis.

— Kaj la mia — malsana; la patrino ploras... — Ni iru? — Ni kuru... malvarme. — Nu!

Ili kuras rapidege urben. Mi postrigardas ilin. Apud unu el la plej belaj domoj ili haltas.

— Vidu! La domo de mia onklo! — unu el ili diras fiere. La alia montras kontraŭstarantan domon.

— Ĉi-tiu estas de mia onklo! —

— Sed al mia onklo oni alvenigis araban ĉevaleton por 16 mil. —

— Kaj mia havas kaleŝegon kun kvar ĉevaloj kiel leonoj.—

— Mia, posedas eble mil vilaĝojn! — Mia, eble cent urbojn!

— Malsaĝulo! Ĉe mia onklo estas la mebloj oraj. —

— Azeno! Ĉe mia onklo, el brilantoj sole. —

— Sed mia onklino kun ŝiaj parfumoj! La nazon ili disŝiras.

— O va! Mia onklino iras ĉiutage al teatro.

— Kaj —, se mia onklo kartludas ĉiunokte — ha?

Ili longe kaj malpace diskutadis kaj preskaŭ ekkomencis sin bati reciproke. Unu tamen interrompis.

— Estas malvarme — li diris tremante. Lia kamarado ankaŭ ĉesis.

— Mi estas tre malsata, li diras, en mia koro io suĉadas... Eksonorigu ĉe via onklo!...

— Ne! tiu respondas ektimigite. — Li ordonis sian pordiston, ke li rompu al mi la krurojn kaj la manojn. —

— Mia onklo tiel same, — respondis la alia. Malĝoje ambaŭ klinas la kapojn.

— Ni iru? — Pli bone ni kuru! — Kaj survoje:

— Morgaŭ nokte refoje...

— Jes... Trakur... Mi donos signalon... Mi ekkrios kiel koko...

—...Mi respondos per miaŭo de kato. —

— Bone...

Ili malaperis de antaŭ miaj okuloj.

El la hebrea tradukis
*Mordĥaj Ĥejruti,* Tel-Aviv.

## Vizio de la vojaĝanto.

De *Ferdinand Freiligrath.*

Freiligrath (1810—1876), germana poeto, verkis rimarkindajn poemojn, ankaŭ politikajn. Lerta tradukanto de anglaj kaj amerikanaj verkistoj (Longfellow: „Hiawatha" k. a.).

En la mezo de Saharo ĉe l' ĉevaloj senkatenaj
Sur la tero mi ripozis kun gvidantoj beduenaj.
Luna lumo malproksime kuŝis sur la Nil-montaroj
Nin ĉirkaŭis blankaj ostoj de mortintaj dromedaroj.

Mi maldormis, mian kapon sur la selon apogante
Kaj la korpon sur du sakoj substernitaj etendante,
Kiel litkovrilo servis mia beduenkaftano,
Sabro, lanco kaj pafilo kuŝis apud mi ĉe l' mano.

Silentego! Nur kelkfoje ekaŭdiĝas fajrkraketo,
Nur kelkfoje hufofrapas la ĉevaloj en dormeto,
Nur kelkfoje ekkriaĉas raba birdo noktvaganta,
Nur kelkfoje sian lancon kaptas beduen' sonĝanta.

Jen ektremo de la tero! Kovras ombro nin subite,
Preterrapidegas bestoj de l' dezerto timigite.
La ĉevaloj ribeliĝas, la gvidanto per la mano
Faras signon kaj murmuras: „La fantoma karavano!"

Venas ĝi! Fantomaj viroj ŝvebas antaŭ la kameloj,
Senvualaj la virinoj sidas sur la altaj seloj,
Flanke paŝas junulinoj, kruĉojn sur la kap' portante,
Beduenoj rapidegas al Mekao flugrajdante.

Kaj sennombraj sekvas aroj, kies fino ne montriĝas,
Ve! nun eĉ la disaj ostoj je kameloj releviĝas,
Densamase turnleviĝas flavebruna la sablaro,
Reestigas brunajn virojn aliĝantajn al la aro.

Jen la nokto, kiam ĉiuj de la sablomar' glutitaj,
Kies putraj ostoj eble sub ni estas hufbatitaj,
Kies polvo ventblovita eble tuŝis nin ĉi tie,
Releviĝas kaj ariĝas, por en Meka preĝi pie.

Antaŭ ol ni vidis finon senpacience kaj avide,
Jam revenas la unuaj, galopante pli rapide
De la Verda Promontoro ĝis la Babelmandeb-maro
Ol sin povis malkateni terurita dromedaro.

Ne ektimu, kiam ili proksimiĝos kaj vin tuŝos,
Kriu „Allah!“, tiu nomo la fantomojn tuj forpuŝos.
Kuraĝiĝu, ĉiu staras ĉe ĉevaloj ribelantaj,
Ne ektremu kvazaŭ ŝafoj, la leonon timegantaj.

Baldaŭ la turbanajn plumojn la matena vent' flirtigos,
Tiam la krepuska ruĝo la fantomojn ripozigos,
Ĉe tagiĝo ili estos ree polvo kaj ostaroj,
Jam krepuskas, jam la tagon flaras niaj dromedaroj.

Trad. *Bollermann*.



*Flustro . . . Spiro la timema.*
*Najtingala tril'*
*Fluoj de la font' dormema*
*Je arĝenta bril' . . .*

*Nokto luma . . . Formoj ombraj*
*Ombroj sen la fin'.*
*Sorĉoj de l' vizaĝ' sennombraj*
*De la amatin' . . .*

*En fumnuboj — rozpurpuro,*
*Brilo de sukcen'*
*Larmoj kaj la kissusuro.*
*Ruĝo de l' maten'.*

El la rusa poemaro de Fet, *tradukis* E. Miĥalski.



# La nigra kanto.

El „Bluaj legendoj“ de *Jovan Dučić*.

Tio estis, kiam vivis ŝi, plej bela kaj malĝoja virino en la malhela Eskorialo. Tio estis kutime dum longaj tagoj en la ĝardenoj, kie vivis heliotropoj plenaj je malĝoja nostalgio.

Printempe, kiam revenadis hirundoj — en siaj monaĥvestoj de nigra-blanka silko — ili kantadis al ŝi ian kanton pri la maro.

Ili kantadis al ŝi, kiu amis ilian mirindan kanton, kaj donis al ili el sia nigra maniko iajn etajn grajnojn de l' malproksimaj insuloj, ke ili povu kanti la tutan tagon pri la malĝojo.

Kaj kiam ŝi, unuafoje vestinta la blankan silkon, kun du mirto-floroj en la mano, ekripozis sub arĝenteblanka marmoro, super kiu longe bruis malhela cipreso, ŝi tiam ekdeziris aŭdi unu rekantaĵon de l' feliĉo, nur unu.

El la serba tradukis *Uroŝ Avdalović*, Nevesinje.

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Esionte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

Verko de nedubinda valoro estas la *Bulgara Antologio* kunmetita de S-ro Krestanov. Tiu volumo respegulas la tutan bulgaran literaturon per pli ol okdek tekstoj prozaj kaj versaj eltiritaj el 40 diversaj aŭtoroj. Pri ĉiu el ili, konciza noteto, kaj ofte portreto, donas biografian informon. La kampa laboro, la dombesta bredado, la familia medio, la gejunula amo, la militaj agoj, la patriotaj aspiroj, resume la sentoj kaj animo de tuta popolo stariĝas iom post iom dum legado de l' riĉevaria tekstaro. Multaj el la bone elektitaj rakontoj honorus ian ajn pli malnovan literaturon. La prozaĵoj ŝajnas pli karakteraj ol la poezioj; tiuj, kvankam tre lerte tradukitaj, malfeliĉe ne povas redoni la vortan muzikon, kiu parte faras ilin plaĉaj por bulgara orelo. La traduko kaj aranĝo de tiu ampleksa antologio postulis seriozan laboron, pro kiu la ĉefa laborinto, liaj helpantoj, kaj la samlandanoj mone subtenintaj la eldonon, meritas gratulon. Ilia celo, montri al alilanduloj el kio konsistas la bulgara spirito, por ke popoloj pli intime konante unu la alian, pli facile interkonsentu, kaj tio sen malplaĉa ŝovinismo, estas tre laŭdinda kaj tute konforma al la spirito de nia movado. Povu la intereso de l' esperantistoj rekompenci tiun klopodon. Nur tion oni povus bedaŭri: ke por tia verko oni ne povis elekti pli bonan paperon, pli belan kaj pli korektan preson, pli daŭran bindaĵon; iom tro vulgara estas la vestaĵo de la gracia junulino, kiu, laŭ la kovrila bildo, prezentiĝas al ni kiel enkorpiĝo de l' bulgara idearo.

*

La aŭtoro de *Struikelblokjes*, S-ro Mees, respondis iam en „Holanda Esperantisto“ al samlandanoj renkontintaj malfacilaĵon dum studado aŭ tradukado; la kolekto de tiuj respondoj, sisteme ordigitaj kaj kun laŭtema kaj alfabeta tabeloj, bone servos por nederlandanoj en dubaj okazoj. Ĉefe la diferenco inter iom similsencaj sufiksoj aŭ finaĵoj, prepozicioj, rilataj vortoj, inter vortoj preskaŭ sinonimoj, uzo de verbaj formoj, kaj aliaj apartaj punktoj, estas detale studitaj per klarigoj kaj ekzemploj.

15 aprilo 1925. *G. S.*

## Novaj libroj.

**Bulgara Antologio.** (Prozo kaj poezio.) Kunmetis *Ivan H. Krestanov*, kun antaŭparolo de At. D. Atanasov. 1925. Sofia, Bulgara Esperanto-Biblioteko, N-ro 5-6. 248 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 100 Leva (5 sv. fr.).

**Struikelblokjes.** Een kleine versameling moeilijkheden bij het vertalen in Esperanto door *H. C. Mees*. 1925. N. V. Centrale Esperanto Boekhandel, 's-Gravenhage. 60 paĝoj, 13½×19½ cm. Prezo: 0,50 fl.

**La nuna numero enhavas 24 paĝojn.**

**Aldonoj:**

**Scienca Bulteno N-ro 3 :: Kongresa Bulteno N-ro 6**

**La junia numero de „Esperanto“ enhavos la raportojn pri la konferencoj en Paris.**



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



### Unua Kongreso de Radio-Amatoroj.

Komisiono pri la helpa lingvo internacia.

(Oficiala protokolo).

#### Unua Kunsido.

La Komisiono kunsidis merkrede 15 aprilo posttagmeze, de la 17 ĝis 19 h. 15. Ĝi elektis sian estraron jene:

Prezidanto: *Dr. Privat*
Vic prezidanto: S-ro *Turner* kaj S-ro *Nordin*
Sekretario: S-ro *Epton.*

La nacioj reprezentitaj en la Kongreso havis kiel delegitojn la sekvantajn:

| | |
|---|---|
| Anglolando | S-ro *Turner* |
| Argentino | „ *Repetto* |
| Aŭstrio | *Dr. Ladany* |
| Ĉeĥoslovakio | *S-ro Schultz* |
| Franclando | *Dr. Corret* |
| Germanio | *S-ro Kraus* |
| Hispanio | „ *Moya* |
| Hungario | „ *Mayor* |
| Irlando | „ *Epton* |
| Italio | „ *Saggiori* |
| Japanlando | „ *Usami* |
| Kanado | „ *Borrett* |
| Nederlando | „ *Isbrücker* |
| Nova-Tero (Newfoundland) | „ *Reid* |
| Pollando | „ *Grenkamp* |
| Svedlando | „ *Nordin* |
| Svislando | *Dr. Privat* |
| Urugvajo | *S-ro Legrand* |
| Usono | „ *Warner.* |

Unue la Komisiono diskutis la demandon ĉu oni devas rekomendi la uzadon de helplingvo internacia nur por la radio-telefonio, aŭ ankaŭ por la radio-telegrafio. La unuanima opinio estis ke temas antaŭ ĉio pri la radio-telefonio, sed la rekomendo povus aplikiĝi por la radio-telegrafio en la okazoj, kiam la la korespondantoj ne havas komunan lingvon.

La Komisiono troviĝis antaŭ kvar proponoj: de la angla, de Esperanto, de Ido kaj de Interlingua. Unue ĝi diskutis demandon pri la principo inter la angla, nacia lingvo, kaj lingvo artefarita elektota. Per dekkvar voĉoj kaj unu sindeteno ĝi decidis la preferon por iu artefarita lingvo.

Poste la Komisiono diskutis la proponon de la Sveda reprezentanto ke oni prokrastu la elekton de artefarita lingvo je du jaroj, al la sekvonta kongreso kiu aŭdos raporton de Eksperta Komitato. Per dektri voĉoj kaj du sindetenoj la Komisiono rifuzis tiun proponon, konsiderante la urĝecon de la senprokrasta adopto de iu helplingvo internacia.

Post tio la Komisiono ekzamenis la respektivajn avantaĝojn de Interlingua, de Ido kaj de Esperanto. Pluraj membroj de la Komisiono tiam parolis en la lastaj du lingvoj, tradukataj angle aŭ france.

Post longa debato la Komisiono decidis, per dektri voĉoj kontraŭ unu kaj unu sindeteno (la Sveda kaj la Svisa), rekomendi al la Kongreso la adopton de Esperanto, pro motivo de ĝia granda disvastiĝo kaj de ĝia karaktero de lingvo jam uzata praktike. Poste ĝi decidis, per dektri voĉoj kontraŭ unu (Sveda) kaj unu sindeteno (Svisa), rekomendi al la Kongreso a adopton de jena rezolucio:

„La Kongreso, konstatante la malfacilaĵojn kaŭzitajn de la diverseco de lingvoj en la internaciaj rilatoj, rekomendas la studon kaj la uzadon de Esperanto, kiel de helpa lingvo de komunikoj kaj de forsendoj radio-telefonaj internaciaj, same ankaŭ de resumoj kaj tradukoj en la revuoj kaj kongresoj."

Pri propono de *Dr. Corret*, kiu tuŝis la aldonan rekomendon por la radio-telegrafio en okazoj kiam la korespondantoj ne havas komunan lingvon, la Komisiono unuanime decidis dufoje kunsidi por tion diskuti.

Ĝi elektis D-ron *Corret* kaj D-ron *Privat*, la prezidanton de la Komisiono, kiel raportontojn en la Kongreso.

* * *

#### Dua Kunsido.

La Komisiono kunvenis ĵaŭde, 16 aprilo, por la dua kunsido, de 17 ĝis 19 h. 30. Ĉeĥoslovakio kaj Italio estis reprezentitaj de la Franca delegito.

La delegito de Argentino deklaris ke li, je la nomo de sia lando, voĉdonus por la rezolucio adoptita.

La delegito de Japanlando deklaris, ke li ankaŭ voĉdonus por la rezolucio „ad referendum" ĉe sia delegacio.

La delegito de Kanado deklaris, ke li aliĝas tute al la opinio de l' *American Radio Relay League.*

La delegito de Germanio deklaris, ke li ankaŭ voĉdonus por la rezolucio adoptita.

La Komisiono diskutis poste la proponon de D-ro *Corret,* tuŝantan al la radio-telegrafio. Post longa debato ĝi adoptis rezolucion, kiu formas duan paragrafon kaj kiu havis por si dekdu voĉojn kontraŭ du kaj unu sindeteno, en jena formo:

*„La sama rekomendo aplikiĝas al la radio-telegrafaj komunikoj, kiam la korespondantoj ne havas la eblecon sin kompreni en iu nacia lingvo."*

La Komisiono poste diskutis proponon de S-ro *Turner,* kiu petas ke la Kongreso apliku tuj la alprenitajn decidojn, adoptante por si mem Esperanton, kiel lingvon helpan apud la uzataj lingvoj naciaj, kaj publikigante en tiu lingvo la rezulton de siaj pridiskutoj.

Post mallonga diskuto oni decidis, per ok voĉoj kontraŭ kvin kaj unu sindeteno, aldoni al la du unuaj adoptitaj rezolucioj la trian, jene tekstitan:

*„Konsekvence de tiu decido la Internacia Kongreso T. S. F. adoptas Esperanton kiel sian helpan lingvon internacian apud la uzataj lingvoj naciaj."*

La Komisiono poste diskutis ĉu ĝi ekzamenos la demandon pri la amatora kodo kaj pri la mallongaĵoj. Preskaŭ unuanima opinio estis ke tiu problemo ne eniras en ĝian kompetencon kaj ke konvenas tion lasi al la Internacia Amatora Unio, se tiu deziras komisii tion al sia oficejo.

La delegitoj de la landoj Sveda, Franca, Angla kaj de Urugvajo, proponis dankesprimon al la Prezidanto pro la pacienco kaj la senpartieco kun kiuj li gvidis la debatojn. Tiu propono estis unuanime adoptita de la Komisiono.

Dankante la Komisionon la Prezidanto deklaris, ke la sindetenoj de la Svislando estis motivitaj de la fakto, ke la delegito devis resti neŭtrala, estante prezidanto. En la dua kunsido li ne plu konsideris Svislandon inter la nacioj invititaj por la voĉdonado.

La Komisiono, fininte sian laboron, konfirmis S-rojn *Correl* kaj *Privat* kiel raportontojn antaŭ la Kongreso.

*[Traduko el la franca originalo.]*

* * *

Kiel ni jam anoncis en nia lasta numero, la Kongreso mem en plena finkunsido rediskutis la rezoluciojn, kaj, post dek paroladoj por Esperanto, unu por la angla kaj unu por kompromiso inter Ido kaj Esperanto, fine decidis unuanime krom du voĉoj konfirmi la vidpunkton de la Komisiono kaj adopti Esperanton konfirmante la tri rezoluciojn.

## Propaganda vojaĝo de S-ro Andreo Ĉe

**vojaĝanta sekretario de la Internacia Centra Komitato.**

Post Warnsdorf S-ro A. Ĉe paroladis en *Langenaŭ, Teplitz-Schönaŭ, Tetschen-Bodenbach*, ĉiuj en Ĉeĥoslovakio. Poste nia nelacigebla samideano eniris Germanion: *Zittau, Chemnitz, Annaberg, Auerbach, Plauen, Auerbach, Leipzig, Dresden, Pirna, Dresden, Freital*, en tiu lasta S-ro A. Ĉe paroladis 17. IV. Poste li venis al *Magdeburg, Berlin, Stettin, Potsdam, Halle, Fuldá*; lia plua vojaĝo estos proksimume jena, sed eble ŝanĝota: *Frankfurt, Godesberg, Wiesbaden, Mainz, Worms, Kreuznach, Halle, Mulhouse, Lyon, Annecy, Tarare, Grenoble, Nice.* Eventuale okazos la vizito al Belgio kaj Norda Franclando.

## Lingva Komitato kaj Akademio.

Jen la rezultato de la voĉdonoj en la Lingvan Komitaton kaj en la Akademion:

Voĉdonintoj: 92.

*Lingva Komitato:*

S-ro Behrendt (89 voĉoj), S-ro de Lajarte (88), S-ro Tellini (86), F-ino Zschepank (81), S-ro Kastner (78). Ĉiuj elektitaj.

*Akademio* (6 postenoj):

1. S-ro Christaller (78 voĉoj), 2. S-ro Warden (72), 3. S-ro Nylén (67), 4. S-ro Isbrücker (65), 5. S-ro Bailey (47), 6. S-ro Migliorini (47), tiuj ĉi elektitaj; S-ro Behrendt (41), S-ro Fisher (40), S-ro Setälä (39), S-ro Collinson (30), S-ro Solá (14), S-ro Butin (12).

## Esperantista Kongresa Dataro.

| | |
|---|---|
| Majo 29—2. VI: | Brita XVI-a Kongreso en Leamington Spa |
| Majo 30—1. VI: | Nederlanda I-a Kongreso en Hilversum |
| Majo 31—1. VI: | Germana XIV-a Kongreso en Magdeburg |
| Majo 31—1. VI: | Hungara VII-a Kongreso en Budapest |
| Majo 31—1. VI: | Dana Jarkunveno en Odense |
| Majo 31—2. VI: | Franca Kongreso en Clermont-Ferrand |
| Majo 31—2. VI: | Belga XIV-a Kongreso en Verviers |
| Junio 5—7: | Skota XX-a Kongreso en Largs |
| Julio 8—12: | Nord-Amerika XVII-a Kongreso en Cleveland |
| Julio 9—12: | Bulgara XII-a Kongreso en Sofia |
| Julio 11—12: | Sveda Laborista Kongreso en Uddevalla |
| Julio 31—7. VIII: | Somera Universitato Internacia en Genève |
| Aŭgusto 1: | Antaŭkongreso en Bern |
| Aŭgusto 2—7: | Universala XVII-a Kongreso en Genève |
| Aŭgusto 8—10: | Aŭstria V-a Kongreso en Salzburg |
| Aŭgusto 11—15: | Sennacia V-a Kongreso en Wien |
| Aŭgusto 12—16: | Katolika X-a Kongreso en Paris. |

# Informilo de esperantistaj societoj.

## Svisa Esperanta Societo.

*Adreso: 12 Boulevard du Théâtre, Genève.*

Freŝa vigla vento blovas en la Neuchâtelaj montoj, ĝi alportas al ni sciigon pri bela festo okazinta en La Chaux des Fonds kaj sukcesinta dank' al harmonia kunlaboro kun samideanoj el Le Locle kaj St. Imier.

D-ro Spielmann daŭrigas sian laboron, gvidante 5 kursojn en Bern kaj Biel, fondinte novan grupon en Bern „Progreso". „Esperanto-Societo Bern" elektis novan komitaton: S-ro J. Schmied, prez.; D-ro M. Ruth, sekr.; F-ino Mary Kapfer, bibliotekistino.

„La Stelo" de Genève en sia ĝenerala kunveno reelektis S-ron Horner kiel prezidanton. La kasistino F-ino S. Dubois, kiu dum multaj jaroj sindone sin okupis pri la financa stato de nia rondo, estis devigata pro seriozaj malhelpoj, transdoni sian taskon al nove elektita kasisto S-ro Burkhardt. S-ino Umanski, gvidfininte la kurson, tuj rekomencas la novan por geoficistoj.

Kaj nun, karaj S. E. S.-anoj, se vi deziras scii iom pli unu pri la alia, sendu raportetojn al la sekretariino.

## Nia movado en Finnlando 1923—24.

Dum ambaŭ jaroj la Finnlanda Esperanto-Institute havis ĉirkaŭ 80 lernantojn ĉe la kursoj. La korespondа kurso ricevis 30 abonojn. La plej ĝojiga fakto estas la konsiderinda nombro de faritaj ekzamenoj: entute ĉirkaŭ 80 dum la du jaroj, el kiuj 9 por supera atesto. La bilanco de la Instituto montras nun kapitalon de 6000 markoj, kaj ĉirkaŭ 14000 markoj estas uzitaj dum la du jaroj por amortizoj.

Intertempe du gravaj laboroj estas plenumitaj dum la du pasintaj jaroj, laboroj, en kiuj la Instituto ludis rimarkindan rolon.

En komenco de 1923 la longe planita Plena Vortaro Finna-Esperanta de la direktoro de la Instituto estis pretigita kaj la presado povis komenciĝi. La granda verko (831 paĝoj) eble neniam estus pretiĝinta — sen efektiva helpo de la Instituto. La oficistino tiama fil. mag. Aino Hoiva laboris en la Instituto pri netskribado kaj korektado. Per la komunaj klopodoj de la direktoro, la oficistino kaj pluraj helpantoj la vortaro aperis el presejo kaj bindejo en aŭgusto 1923. Tiel la serio de lernolibroj por finnoj nun estas preta, la seriozaj studantoj de internacia lingvo posedas vortaron, „pri kiu la esperantistoj de kiu ajn nacio povus esti fieraj", kiel diris iu kritikinto.

La alia entrepreno de la Instituto, okazinta en 1924, koncernis vendon de Esperanta literaturo en Finnlando. Pro tio la Instituto aĉetis la stokon de „Movado" kaj instalis librovendejon. La valoro de la stoko kun necesaj inventaroj estis ĉirkaŭ 30000 Fmk. Nun la instituto vendas esperantan literaturon en malgranda oficejo, Kluuvikatu 7, Helsinki, telefono 21691.

La Instituto decidis ree komenci propagandan laboron. Ni baldaŭ komencos eldonon de bulteno nur finnlingva, kies celo estas pure propaganda. De ĝi estos eldonataj specialaj numeroj, ekzemple unu pri Esperanto en lernejoj, sendota al ĉiuj instruistoj. Unu numeron ni dediĉos tute al UEA.

## Akademia Rondo Esperantista.

Warszawa, Nowy Swiat 21.

Estas starigita esperanta informejo, legejo kaj kursejo ĉe la gestudenta rondo. Ĉiu sendaĵo laŭ suprenomita adreso — ĉu presaj ĉu skribaj — estos danke akceptitaj kaj bone uzitaj. La informejo petas pri raportoj, statistikoj, k. s. informoj pri esperanta movado.

## La III-a Kongreso de Kiuŝu'a Ligo Esperantista.

La 21an kaj 22an de marto okazis la tria kongreso de la Kiuŝu-Ligo en Beppu, konata banurbo kun varmfontoj. Ĉeestis 100 gesamideanoj el multaj lokoj de japana lando. En la ĝenerala kunsido oni decidis:

1. Oni elektis por konsilantaro de la Ligo S-rojn profesorojn: Itoo, Fujisaŭa, Ohŝima, Azuma, Takesaki, Ŝigemacu, Hatamura, Kikuĉi.

2. Delegi al la XVII-a Universala Kongreso en Ĝenevo S-ron prof. Teiso Esaki, kiu nun estas en Parizo.

Adreso de la Ligo: Kiuŝu Esperantista Ligo ĉe Itoo, Ĝigioniŝimaĉi 5, Fukuoka, Japan.

---

## Al gestudentoj!

Aliĝu tuj al Internacia Studenta Esperantista Asocio, kies celoj estas: 1. propagandi Esperanton inter la tutmonda gestudentaro; 2. per praktika peresperanta laboro faciligi ĉiuspecajn rilatojn: sciencajn, moralajn, materiajn k. a.

Jarkotizo por 1925 estas 2 svisaj frankoj por aktivaj kaj aspirantaj (lernantoj de superaj mezlernejaj klasoj) membroj kaj 5 svisaj frankoj por membroj subtenantaj.

Aliĝu tuj al la sola tutmonda studenta asocio!

Nova adreso de la sekretariejo: F-ino Lidja Zamenhof, 41 Krolewska ulica, Warszawa (Pollando).

* * *

## Aktuala sciigo.

Samtempe kun la aliaj ĉirkaŭ 20 nacilingvaj tradukoj de la plej nova verko de Francesco Nitti (iama ministrara prezidanto itala) aperos sub la titolo „La paco“ (aro da paroladoj faritaj en Skandinavio kaj en Svislando) speciala Esperanto-eldono. La tradukaj laboroj nuntempe estas farataj de du lertaj esperantistoj rekte laŭ la itala originalo. La diplomato kaj pacifisto mem instigis la eldonejon de la Frankfurter Societäts-Druckerei, Abteilung Buchverlag, Frankfurt a. M., fari specialan Esperanto-tradukon por kiel eble plej rapide konatigi siajn ideojn al la tuta mondo.

* * *

## Kresko de la Jarlibro de UEA.

Nia Jarlibro estas kvazaŭ registrilo kiu per sia amplekso fidele respegulas forton de UEA-movado; jen ciferoj pri amplekso de la Jarlibro:

| | |
|---|---|
| 1919 | 80 paĝoj |
| 1920 | 217 „ |
| 1921 | 236 „ |
| 1922 | 272 „ |
| 1923 | 278 „ |
| 1924 | 399 „ |
| 1925 | 480 „ |

* * *

## Granda Enciklopedio Nacia uzas nian lingvon.

Estas unuafoja okazo, kiam ni vidas grandan enciklopedian nacian vortaron uzi nian lingvon por klarigi la naciajn vortojn. Ĝi estas nova „Enciclopedia Espasa“ hispanlingva, eldonata nun en Madrid. Jam aperis 48 volumegoj riĉe ilustritaj je gravuroj, fotoj kaj kartoj. Entute estos 60 volumoj. Ĉiu titolvorto estas tradukita nacilingve kaj ankaŭ Esperante. Al la eldonejo „CALPE“ ni ŝuldas grandan dankon pro la imitinda iniciato.

## Internacia Policteknika Ekspozicio.

Ni ricevis oficialan leteron pri Internacia Policteknika Ekspozicio okazonta 7—24 junio en Karlsruhe. Jen estas parto de la Esperanto-lingva broŝureto eldonita de Ekspozicia Oficejo:

**Internacia Policteknika Ekspozicio Karlsruhe 1925**

*Klasifiko de la ekspozicio (programo):*

A) Ĝenerala fako

I. Stratpolico:
1. Ĝenerala strata- kaj patrolservo (uniformoj, armoj, ejoj, hundoj).
2. Frekventpolico (kontrolo pri aŭtoj, bicikloj, aviadiloj).
3. Policsignaliloj, telefontekniko, helpovokoj, radio.
4. Akcidentservo: konsiloj kaj publikigoj pri unua helpo.
5. Fajrosignalservo kaj instalaĵoj.

II. Persekuta kaj kriminala servo:
1. Speciala ekipaĵo kaj armiloj por oficistoj (pafiloj, gardkiraso ktp.).
2. Policarestejoj (modeloj, planoj, fotografaĵoj).
3. Persekutgazetaro, arestletero, publikaj alvokoj, malproksimfotografo kaj radio.
4. Polica loĝantara kaj fremdula anoncado.
5. Speciala persekutservo de la ĝendarmaro.
6. Limpersekutservo, spionhundoj.
7. Fervoja kontrolo, poŝtkontrolservo ktp.

III. Ekkonservo:
1. Daktiloskopio.
2. Fotografado (lumbildoj, filmoj, kameroj).
3. Signalinstruo.
4. Krimloka kaj postsigna konservo.
5. Procedoj por identigo de netroveblaj personoj kaj nekonataj mortintoj, porcigana polico.

B) Metia ekspozicio de la protekta industrio

I. Mekanikaj protektiloj:
1. Rigliloj.
2. Seruroj, speciale garantiseruroj.
3. Mekanikaj monŝrankprotektoj.
4. Kradoj fiksataj kaj moveblaj.
5. Ruljaluziaj protektiloj, krampŝlosoj.
6. Mekanikaj sonorigiloj, mempafoj.

II. Elektraj protektiloj:
1. Por laborelektro, por latentelektro.
2. Selenĉeloj kaj aliaj kemiaj protektiloj.
3. Partoj de elektraj protektiloj, ekzemple kontaktoj, alarmigiloj, elektrofontoj, ŝanĝiloj ktp.
4. Seruroj kombinataj kun elektraj alarmigiloj.

III. Aliaj teknikaj eltrovoj kaj novaĵoj por la polico kaj la memprotekto.

IV. Fajranonciloj.

V. Gardistkontrolo.

C) Speciala ekspozicio de policestraroj
(eniro nur por legitimantaj personoj.)

Tiu ekspozicia fako ampleksas ĉion, ankaŭ literaturon, kion el la fakoj A kaj B oni ne povas montri publike.

Ni petas interesatajn personojn, ke ili nacie traduku la programon (citante nian gazeton aŭ almenaŭ nian lingvon), akceptigu en la lokaj ĵurnaloj, kaj sendu pruvekzemplerojn laŭ suba adreso. Ni per tio instigu la policestrojn al plua uzado de Esperanto.

Adreso:
Polizei-technische Ausstellung
Karl-Friedrich-Str. 17, Karlsruhe, Baden, Germanio.

# KRONIKO.

## Argentino.

*Buenos-Aires.* Kurso en oficiala organo de Radio-Club.

## Aŭstrio.

*Wien.* „Der Städtische Angestellte" raportas pri propagandaj paroladoj de lerninspektoro D-ro Wollmann, lerneja direktoro H. Kronenberger kaj instruisto W. Smital. „Illustrierte Rundschau" eldonis specialan numeron dediĉitan al nia movado, kun bildoj kaj originalaj artikoloj de Leono Zamenhof, Won Kenn, Wollmann, Smital, Hideo, Yagi, Pfeffer. Finiĝis 8 kursoj. Ĉiusemajne paroladoj ĉe „Esperanta Junularo".

*Wels.* Funkcias du grupoj: laborista kaj policista.

*St. Pölten.* 3 kursoj en popollernejo, gvid. de Goldmann.

*Leoben.* Kurso en burĝa lernejo.

## Belgio.

*Antwerpen.* Polica grupo fondita kun 37 p.

## Brazilo.

Kursoj en *Rio de Janeiro, Rio Grande de Sul, Olinda, Guimaraes, Gravatahy, Ceara.*

## Britlando.

*London.* Kursoj en meblista unuiĝo. Ekzamenoj ĉe Ĉambro de Komerco. Biblioteko de Brita Esp.-Asocio enhavis 9790 verkojn je la fino 1924. Movado de korespondaĵoj ĉe oficejo de l'sama asocio estis 73000 al- kaj for-sendaĵoj dum la 1924.

*Manchester.* Konferenco de Lancashire kaj Cheshire Federacio. En regiono de la federacio estas 8 lernejoj, kie Esp. estas instruata oficiale.

## Bulgario.

*Sofia.* Kurso ĉe Ĉambro de Komerco.

*Rusĉuk.* Kurso ĉe Ĉambro de Komerco.

*Plovdiv.* Kurso en komerca lernejo.

## Ĉeĥoslovakio.

*Praha.* Societo de blindaj esperantistoj eldonas brajleskribitan esperantan gazeton „Aŭroro". Fondiĝis porblindula informejo kaj statistikejo kiu uzas nian lingvon.

*Jägerndorf.* Finiĝis 3 kursoj de komencantoj, 2 novaj kursoj por progresintoj.

*Karlsbad.* Kursoj en apudvilaĝaj lernejoj.

*Plzeň.* Laborista Turisma Asocio adoptis Esperanton.

Germana Esp. Ligo sciigas pri novaj kursoj kaj grupoj en *Kriesdorf, Kukan, Neuern, Trautenau.*

## Ĉinlando.

*Peking.* „Esperanto Semajne" lernigas nian lingvon per dukolonaj lecionoj.

*Shanghai.* Vespera kurso gvid. de Ĉen Ĉaŭ Jin. Fondiĝis librejo por liveri al Orienta Azio esp. eldonaĵojn.

*Nanking.* Esp.-Kurso estas fondata.

*Hopkiang.* Grupo fondita. Kurso.

## Finnlando.

*Kuopio.* Nova societo fondita. 2 kursoj.

## Franclando.

*Paris.* Du konferencoj — pri Esperanto en scienco kaj komerco.

*Lyon.* Kongreso de laborista esp. federacio. Esperanto uzata oficiale ĉe la foiro. Festo ĉe laborista esp. grupo 200 p.

*Perpignan.* Novaj kursoj kun 60 p., gvid. de Llech.

## Germanio.

*Berlin.* Reelektoj ĉe la esp. gruparo. „Der Eisenbahnfachmann", fervojista revuo propagandas nian lingvon ĉe 40000 legantoj.

*Bochum.* Katolika grupo. Kurso.

*Bremen.* Parolado de Heitmüller. Kurso.

*Chemnitz.* Akademia grupo fondita.

*Dresden.* Lumbilda parolado de pentristo Brandler.

*Erfurt.* Finiĝis kurso 51 p. Grupo kun 24 m.

*Essen.* Ekzamenoj pri lingvokapableco.

*Euskirchen.* Kursoj funkcias.

*Falkenstein i. V.* Urbestraro enkondukis Esperanton en komerclernejon post parolado de profesoro Dietterle.

*Freiberg i. Sa.* 2 kursoj kun 51 p.

*Kaiserslautern.* Nova kurso 12 p. Parolado de S-ro Omlor.

*Köln.* Ekzamenoj ĉe la societo.

*Magdeburg.* Parolado de F. Langsch. Kurso.

*Oschatz.* Esperanto instruata en popollernejo, 75 infanoj.

*Senftenberg.* Kurso por fervojistoj, 20 p.

*Sonnenberg.* Kurso en popollernejo, 24 p.

*Tilsit.* Finiĝis 2 kursoj kun 38 p. el 63 komencintoj. — Laborista Unuiĝo 40 m., fondita de Landien; nova kurso.

*Vegesack.* 4 kursoj kun 98 p.

*Viersen.* Kurso kun 18 p., gvid. de Brendgens.

## Hindio.

*Mylapore.* „La Mahaprakaso" anglo-esperanta gazeto fondiĝis por propagandi nian lingvon.

## Hispanio.

*Barcelona.* Kataluna Federacia Kongreso en Mallorca.

*Córdoba.* Iberia Konfederacia Kongreso.

## Hungario.

Kursoj en *Budapest, Bekescsaba, Kaposvar, Miskolcz, Pecs.*

## Italio.

*Parma.* Finiĝis kursoj, gvid. de profesoro Carolfi.

*Venezia.* Finiĝis kurso, gvid. de inĝeniero Torta.

*Verona.* Parolado de profesoro Carolfi.

## Japanlando.

*Nagoja.* Ĵurnalo japanlingva Ŝin-Aiĉi regule enhavas Esp. kronikon.

## Jugoslavio.

*Grohote* (Dalmatio). Grupo funkcias.

*Janjina.* Kurso en vilaĝo Sreser, 18 p.

*Komiža* (sur insulo Vis). Grupo fondita.

*Ljubljana.* 2 kursoj funkcias. Parolado de profesoro Rakuŝa en Universitato.

*Novi-Sad.* Kurso ĉe laborista grupo.

*Split.* Nova kurso por laboristoj.

## Latvio

*Riga.* 3 novaj kursoj, gvid. de Horomanski kaj Blumberg.

## Litovio.

*Kaunas.* Studenta grupo kaj kurso ĉe Universitato.

## Meksiko.

Ĉe unuiĝo de Komerc-Ĉambroj paroladis D-ro Vargas. — Kurso ĉe Komerca Instituto. Supera kurso en lernejo „Dr. Balmis".

## Nederlando.

*Amsterdam.* Nova kurso 12 p., entute dek kursoj.
*Hago.* Festeno vespera.
*Utrecht.* Esperanto-Ekzamenoj.

## Palestino.

*Jerusalem.* Okazis Esperanta Kongreso, 60 p. Finiĝis 2 kursoj por cionistoj. Nova kurso. Societo fondita. Dulingva gazeto eldonata por hebreoj.

## Pollando.

*Warszawa.* Finiĝis kurso por komencantoj. Nova kurso por progresintoj. Paroladoj de S-ino Cense, de S-roj Belmont kaj Hohlov.
*Drohobycz.* 3 kursoj.

## Rumanio.

*Bucuresti.* „Bukarester Deutsche Tagespost" enhavas Esper. rubrikon.
*Caransebes.* Kurso de S-ro Vincze.
*Cluj.* Kurso de profesoro Cornea en liceo.

## Ruslando.

*Moskva.* Nia lingvo akceptita ĉe Centra Telegrafo.
*Petrograd.* Societoj de ligno- kaj kemi-laboristoj akceptis rezolucion pri Esp. en lernejoj enkondukota.
*Pskov.* Kurso kun 58 p.
*Tuapse.* Grupo fondita ĉe lernejo.
*Urećje.* Esperanto kiel libervola objekto en lernejo.

## Saar-teritorio.

*Neunkirchen.* Kunveno de Esp.-Ligo.

## Svedlando.

*Stockholm.* Gazeto „Nya vägaz" presas Esp.-lecionojn. — „Saningsmannen" represas esperantajn artikolojn.
*Flen.* Kurso 20 p., gvid. pastro Carlsson.

## Svislando.

Kursoj en *Bern, Biel, Genève.*

## Usono.

*Cleveland.* En julio okazos 18-a Kongreso de la „Esperanto-Association of North America."

---

# Diogeno.

Fama greka saĝegulo,
„Kavaliro de l' Barelo",
kun animo sen makulo
kaj kun virtoj de anĝelo
volis serĉi samvirtulojn
ekster la barelinterno
kaj direktis la okulojn
ĉiuloken, per lanterno.

Kun lanterno en la mano
li esploris kaj vagadis
ĝis la bord' de l' oceano;
sensukcese li serĉadis.
Ĉar nenie li atingis,
kion li ektrovi volis,
la lanternon li estingis
kaj denove sin izolis.

Mi ne estas saĝa ulo;
mi ne loĝas en barelo;
mi ne estas sen makulo
nek kun virtoj de anĝelo.
Sed mi gebonulojn trovas
ĉiuloke kun facilo;
sur la ĝustan vojon movas
min mirinde bona ilo.

Ĝia nomo Esperanto;
ĝia signo: Verda Stelo.
Dank' al tiu vojhelpanto
mi ne estas en malhelo.
Vane uzis Diogeno
la lanternon filozofan;
mi profite kaj sen peno
uzas lingvon Zamenhofan.

*Oscar Bünemann,* 8. V. 1923, post vizito al S-ino Hankel.

# Tra la gazetaro.

*„Holanda Esperantisto"* daŭrigas spritan artikolon de H. Bulthuis „Stangaĵoj inter verkistoj, legantoj kaj kritikistoj". Por doni ideon pri la verkaĵo ni ĉi tie represas el ĝi kelkajn liniojn: *A.* Libromaniuloj kolektadas grandan kvanton da libroj, sed ordinare legas nur malmulte. Ili estas kiel avaruloj, ĉar avaruloj kolektadas monon ne uzante ĝin, kaj libromaniuloj kolektadas librojn ne legante ilin. *B.* Legantoj, kiuj ne speciale kolektas librojn por posedi ilin, sed por legi, ordinare ili havas malgrandan bibliotekon da elektitaj verkoj. Se ni posedus nur tiujn du kategoriojn, nia literaturo florus ... sed bedaŭrinde ni posedas trian kategorion de legantoj, nome... *C.* kiuj avide legas, sed neniam aĉetas eĉ unu verkon... oni povus ilin nomi la parazitoj de la literaturo. ... prunteprenistoj kaj pruntedonistoj de libroj ekzistas abunde. La unuaj fumas konstante, iras konstante al la bioskopo (kino), ilin sin amuzas ĉiamaniere pagante, sed pro la multa fumado kaj cetero ne restas mono por aĉeti libron... *D.* Libroŝtelistoj... kiuj mendas librojn kaj neniam pagas la ricevitajn verkojn; tiaj legantoj estas nur malmultaj, ĉar oni scias, ke ilia speco ekzistas, kaj saĝa vendisto ne vendas kredite je tro granda distanco. *E.* Libroalmozuloj... kiuj per flatemaj leteroj sin turnas al verkistoj kun la peto ricevi senpage la ĵus aperintan verkon, pri kiu ili tre entuziasmiĝis. (Ĉu S-ro Bulthuis forgesis pri la sesa kategorio de legantoj, pri la librodonacemuloj, kiuj leginte la plaĉan verkon, tuj ĝin aĉetas tri — kvar ekzemplerojn por donaci al la amikoj?) En la gazeto, aperanta dufoje en monato, ni vidas du aprobindajn fakojn, la „Diskutejo libera" kaj la „Lingva Diskutejo", en tiu lasta ni plezure legis trafajn notojn de H. Bulthuis kaj G. Degenkamp.

*„Kataluna Esperantisto"* sciigas en la Febr.-n-ro, ke „La Enciklopedia Espasa", kies 40 volumegoj riĉilustritaj jam aperis, enhavas esp. tradukon de ĉiu vorto, apud la franca, angla, itala, germana kaj kataluna tradukoj. Por esti finita, tiu monumenta verko bezonas ankoraŭ 20 presotajn volumegojn.

*„Novaj Tempoj"* N-ro 2 enhavas artikolon pri „Edukado en Ĥinujo", trad. de Seriŝev en Ĥarbin. La gazeto estas organo de „Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj".

*„Litova Stelo"* N-ro 3 donas interalie resuman statistikon pri sia lando: 2.028.681 loĝantoj, el kiuj 80% da kamparanoj. Laŭ nacieco: 91% litovoj, 3% poloj, 2% rusoj, po 1% hebreoj, germanoj, latvoj k. a. Inter la komercistoj estas 77% hebreoj, 17% litovoj, 2% germanoj, 1% poloj, 1% rusoj kc.

*„Mahaprakaso"* estas titolo de nova Esperanto-angla revueto, eldonata en Mylapore, Hindio.

*„Germana Esperantisto"*, Aprilo. Profesoro Dietterle donas koncizan statistikon por 1924 kiu notas 265 germanajn urbojn kie ekzistas esp. organizaĵoj. En la sama n-ro ni legas noton pri la vivo de Georg Arnhold, honora membro de G. E. A., kies kvindekjara jubileo estis festata 1. IV. en Dresden.

*„International Language"*, ĉiam neriproĉeble bele presita kaj lerte redaktita, en Aprila n-ro prezentas artikolon de S-ro E. Archdeacon, kun lia foto, pri Esperanto kaj modernaj sciencaĵoj, ankaŭ artikolojn de S-roj Guéritte, Wadham, Long.

*„Espero Katolika"*, Aprilo. Pastro J. Schmidt en ĉefartikolo prave rekomendas eldoni kelkajn gravajn verkojn pri naturscienco, filozofio, skribitajn laŭ katolika vidpunkto, anstataŭ eldoni religiajn katolikajn verkojn, kiuj nun ne havos sufiĉe da legantoj.

*„Vegetarano"*, eldonata de O. Bünemann, Hamburg, eniris 8-an jaron de sia modesta, sed utila, ekzistado. La kroniko el multaj landoj notas novaĵojn de la vegetara kaj abstinenca movado.

„*Hungara Esperantisto*", N-ro 4, donas statistikon pri 340 anoj de la H. E. S., dissemitaj en 44 urboj kaj vilaĝoj.

„*Katolika Mondo*", Nro 4, havigas interesajn informojn pri la tutmonda katolikaro. Ekzemple, el 450.000.000 loĝantoj de la Brita Imperio estas 15.000.000 katolikoj, dividitaj jene: Eŭropo 6.073.000, Ameriko 4.052.300, Azio 2.670.000, Aŭstralio 1.412.000, Afriko 754.000.




**Ni petas la samideanaron nepre informi nin pri ĉiu Esperanto-aranĝo en radio-sfero. Oni disvastigu niajn notojn en la gazetaro.**

☆

*Frankfurt a. M.* (Germanio).

La 1 majo S-ro A. Ĉe, propaganda sekretario de C. K., okaze de sia propaganda vizito en la grupo parolis dum 10 minutoj de la stacio laŭ speciala invito de la sendostacia direkcio en Esperanto. S-ro Ĉe raportis pri la radio-amatora konferenco en Paris kaj diskonigis la decidon por Esperanto. S-ro Urban poste tradukis la paroladon en germanan lingvon. Ni gratulas niajn amikojn en Frankfurt pro tiu aranĝo kaj dankas per tio samtempe al la direkcio de la sendostacio pro ĝia afabla invito.

*Graz.*

Meze de aprilo tiu stacio disaŭdigis paroladon pri Esperanto. Kurso estas projektata.

*Königswusterhausen.*

La stacio de nun regule dissendos la esperantajn aranĝojn sur ondo 1300, kiu vidigis plej bonan aŭdorezulton post longa eksperimentado.

*Montevideo.*

Finiĝis kurso de Esperanto de la stacio de S-ro Legrand. S-ro Fernandez nun komencis novan radio-kurson de Esperanto.

*Wien* (Aŭstrio).

Fine ankaŭ la direkcio de la sendostacio de Wien (Radio-Verkehrs-Aktien-Gesellschaft) decidis aranĝi kurson de Esperanto, kiu komenciĝis la 5 majo. — Ni havis okazon paroli kun la ĝenerala kaj la teknika direktoroj kaj povis konstati, ke ambaŭ estas tre favoraj al Esperanto. Ni estas certaj, ke niaj gesamideanoj en Aŭstrio kun entuziasmo akceptis tiun decidon.

*

**Radio-gazetoj favoraj al Esperanto:**

*Saarteritorio.*

La Esperanto-Ligo de l' Saarteritorio kune kun Saar-Radio-Klubo eldonas radio-gazeton „Saar-Radio-Zeitung", kiu enhavas regule parton de Esperanto. Interesatoj skribu al „Saar-Radio-Zeitung", Dudweiler-Saar.

*Usono.*

„Radio-News", la plej sukcesa radio-revuo en la mondo, havanta pli 400000 abonantojn, kiu finos kurson en junio, komencos en la julia numero la eldonadon de teknikaj artikoloj en Esperanto presitaj paralele kun la samo en angla lingvo. Ĉiu esperantisto kiu interesiĝas pri radio-aferoj devas subteni kiel multe kiel eble „Radio-News" en ĉi tiu entrepreno. Unu senpaga specimeno al ĉiu kiu petas ĝin direkte al eldonejo, 53 Park Place, New York. Adreso en Londono: The International News Co., Ltd., Breams Bldg., E. C. 4; adreso en Parizo: Brentano's, 37 Avenue de l'Opera. Ĉe la Londona kaj Pariza branĉoj specimenoj kostas 25 cendojn ĉiu unu. Jara abono eksterlande $ 3.—.

*Hungario.*

La „Magyar Rádió Ujsag" („Hungara Radio-Revuo"), Budapest IV, Városház-u. 10, MTI., uzas Esperanton en eksterlandaj rilatoj kaj publikigas la pli gravajn aferojn en esperanta resumo. Por apogi la gazeton kaj disvastigi la uzon de Esperanto, ni petas la alsendon de interesaj radio-sciigoj el ĉiuj landoj kaj la represon de la esperantaj resumoj en alilandaj radio-gazetoj (sendante el la represo ekzempleron), per tio pruvante la nunan praktikan utilon de Esperanto! La eksterlandaj radio-gazetoj eĉ ne rimarkos tiun esperantlingvan resumon de „M. R. U.", se la esperantistoj ne atentigas ilin. Tiamaniere ofte povas malaperi esperantaj resumoj el nacilingvaj gazetoj, ĉar la esperantistaro ne scias utiligi ilin.

* * *

## RADIO-LITERATURO

Ni ĉie tie priparolos volonte verkojn en Esperanto kaj aliaj lingvoj, kiuj havas iel rilaton kun niaj interesoj en tiu sfero. Interesatoj bonvolu sendi al ni 2 ekzemplerojn de ĉiu eldono.

*

*International Radio Manuel* by H. A. Epton, 10 × 16 cm, 80 paĝoj, broŝurita. Eldonejo: Brita Esperanto-Asocio, London. Prezo 6 pencoj.

El la lando, kie la radio-movado pleje populariĝis venas al ni malgranda radio-manlibro verkita de la Honora Sekretario de Internacia Radio-Asocio. Ĝi estas salutinda ne sole por angloj, ĉar ĝi estas verkita en tiu ĉi lingvo, sed ankaŭ por aliaj lingvanoj, kiuj deziras informiĝi sin pri la fakterminoj.

La libreto konsistas el 4 partoj: mallonga Esperanto-gramatiko por komencantoj, vortaro esperanta-angla kaj angla-esperanta de radio-fakterminoj kaj radio-simboloj kun bildoj. La komplemento montras morse-alfabeton en Esperanto kaj la mallongigojn uzatajn en radiotelegrafa transsendado. Laŭ ĝia tuta enhavo ĝi estas tre bona kaj laŭcela. Speciale interesas la radioterminoj. Granda parto per si mem estas esperantaj. Kelkaj estas reviziindaj aŭ tute forigindaj, kio rilatas al jenaj vortoj: aperioda (aperiodic) = neperioda, la elektita vorto estas superflua; borno (terminal). En Verax kaj aliaj vortaroj jam trovebla: klemo, kio estas klara. Brodkasti: oni jam de longe decidiĝis por „disaŭdigi", brodkasti eventuale estas akceptinda nur por la angla sistemo de „Broadcasting". Ĝigero, iom morta vorto neniel komprenigas: oscila transformatoro. Ĵamo (to jam) ne estas internacia. Sufiĉas plene interfero (interference). Kurento (current) estas monstraĵo, elektante kur- oni devas diri kuranto (france courant). Ĝenerale oni diras fluo, kio tute sufiĉas. Relajo (Relay, Relais): preferinde estas relajso, ankaŭ uzata por alia tekniko. Reviziindaj estas ĉiuj vortoj kun finaĵo -anco, el kiu multaj estas esprimeblaj per -eco (ekz. rezistanco = rezisteco). Kial „selekti", post kiam ni akceptis elekti. Ankaŭ la jam forjetita soldi (to solder, sold-aĵo, soldata ktp.) anstataŭ la pli klara kaj nekonfuziga veldi. Ŝarĝi por to charge estas erara, ĉar laŭ Zamenhof ŝarĝi, ŝarĝi pafilon, ŝarĝi akumulatoron, sed ŝarĝi = surmeti pezon. Tapi (to tap) ŝajnas nenecesa, post kiam ekzistas frapi, kiu ne signifas bati; konsekvence: frapilo. Originala estas: ululi (to howl), kiu reproduktas la naturan sonon. Necesega ankaŭ drato (metalfadeno) por diferenci inter vera drato kaj metalfadeno, ekzemple en Osram-lampo. Drato jam estas de longe akceptita de komercistoj.

Resume la verketo estas tre akceptinda. Por dua eldono internacia kunlaboro en kontakto kun L. K. estas dezirinda, por eviti la kreon de superfluaj kaj neklaraj vortoj, kiuj kaŭzas ĥaoson.

*R. Kr.*

# LINGVAJ STUDOJ

## *Kelkaj Zamenhofaj esprimoj.*

(El „La Rabeno de Baĥaraĥ".)

I. „... dezertaj gardoturoj, en kies truoj fajfas la vento kaj *nestas* paseroj ..." [Ĉiu alia verbo: nestiĝi, ennestiĝi, nestojn konstrui,... estus pli peza ol *nesti.*]

II. „... *rilate la eksteron* ili ĉiuj estis forte ligitaj inter si..." [Ĝi estas nova maniero formi la prepoziciajn dirajojn: *koncerne la temon..., escepte la kondiĉon,* malpli longajn ol la normalaj: *rilate je la ekstero, koncerne je la temo,* ktp.]

III. „... Sara rigardis lian palan vizaĝon, kiun la luno fantome *prilumis*..." [Ĉe Luyken estas simila vorto: „... lampo *prilumis* vizaĝon de l' viro...". Tia uzado de *pri,* laŭ metafora aŭ bilda senco, estas nefundamenta, tamen oportuna por la praktiko, simile je la vortoj: prilabori, priŝteli, pririgardi,...]

IV. „... li gvidis la boaton tra la gaja svarmo *da* multaj diverskolore flagitaj ŝipoj..." [Oni ofte erare uzas *de* anstataŭ *da,* ekz. en jenaj ekzemploj: *amaso da homoj, multe da birdoj, kelke da homoj, centono da milimetro, ni ricevis grandan nombron da leteroj,...* Sed *da* ne taŭgas en aliaj okazoj: *nombro de leteroj ricevitaj estas granda, la gaja svarmo de la ŝipoj ĉesis,* ĉar ĉi tie temas nur pri la nombro kaj svarmo.]

V. „... En la sama momento la fenestra *aperturo* denove fermiĝis... [Ĉiuj penoj esprimi ideon de l' aperturo per kunmetaĵoj estis ĝis nun senfruktaj, ĉar nek „malfermaĵo", nek „truo", nek „faŭko", nek „malferma parto" ktp. povas kontentigi.]"

*P. S.*

* * *

## *Por Zamenhofa Vortaro.*

1887 — 1917.

Post du jaroj ni rememoros dekjaran datrevenon de la forpaso de nia Majstro. En la sama 1927-a jaro ni festos 40-jaron de nia lingvo. Plej inda monumento, por solenigi la ambaŭ datojn, estus plena vortaro de radikoj kaj kunmetaĵoj, kiujn uzis Zamenhof en siaj presitaj verkoj. Du jaroj tute sufiĉas por kunmeti kaj presigi ĝin, kondiĉe se almenaŭ dek personoj kolektive laboros. Se ĝi estos jam skribita, oni verŝajne trovos mecenojn inter niaj milionuloj (ili ja estas multaj); el ilia nombro du jam protektas eldoni grandan E.-E.-Vortaron!). Eĉ se ĝi ne estos tuj presita, ĝi ĉiuokaze utilos por ĉiu vortaristo, kiu verkos ĝeneralan E.-E.-Vortaron.

Samideanoj kiuj volas partopreni en la kolektiva laboro (ĉiu ricevos nur negrandan taskon), bonvolu skribi laŭ suba adreso, aldonante liston de Zamenhofaj verkoj, kiujn ili posedas, aŭ povas uzi prunte en sia urbo.

*P. Stojan,*
UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

* * *

## *Nomoj de Greko-Latina Mitologio.*

| *Originaj nomoj:* | *Esperantaj nomoj:* | *Mita senco:* |
|---|---|---|
| Zeus — Iuppiter | Zeŭso — Jupitro | diopatro |
| Hera — Iuno | Hera — Junona | edzino de diopatro |
| Ares — Mars | Areso — Marso | militestro |
| Hermes — Mercurius | Hermeso — Merkuro | kuriero |
| Apollon — Phoibos | Apolo — Febo | suno |
| Artemis — Diana | Artemida — Diana | luno |
| Poseidon — Neptunus | Posejdo — Neptuno | marestro |
| Aides — Pluton Dis | Hadeso — Pluto | subterestro |
| Hefaistos — Volcanus | Hefisto — Volkano | subtera forĝisto |
| Athene — Minerva | Atena — Minerva | arto, saĝo |
| Afrodite-Venus (Veneris) | Afrodita — Venera | belo, volupto |
| Hestia — Vesta | Hestia — Vesta | hejma fajro |
| Demeter — Ceres | Demetra — Cerera | terpatrino, rikolto |
| Semele — Consiva | Semela — Konsiva | grenkampo |
| Hloris — Flora | Flora | florfeino |
| Uranos — Uranus | Urano | ĉielo |
| Orpheys | Orfeo | ĥorfeo, artkanto |
| Kronos — Saturnus | Kronoso — Saturno | pratempo, semdio |
| Dionysos — Bacchus | Dioniso — Baĥo | vina dio |
| Leibenos — Liber | Libeno — Libero | vinverŝanto |
| Pan — Faunus | Panso — Faŭno | kamparestro |
| Pan — Silvanus | Panso — Silvano | arbarestro |
| Aiolos — Aeolus | Eolo | aerfeo, ventodio |
| Silenos | Sileno | ebria kunulo de Baĥo |
| Eros - Amor, Cupido | Eroso-Amoro, Kupido | seksa amo, voluptamo |
| Hebe — Iuventas | Heba — Juventa | juno bela, junulino |
| Eos — Aurora | Eoso — Aŭroro | matenbrilo |
| Iris (Iridos) | Irida | ĉielarko |
| Leto — Latona | Leta — Latona | nokto, forgesigo |
| Persephone-Proserpina | Persefona-Proserpina | infera diino |
| Kybele — Rea | Kibela — Rea | patrino de Zeŭso |
| Magna Mater | Granda Patrino | dipatrino |
| Erinys — Furia | Erinja — Furia | venĝo |
| Maia | Maja | patrino de Merkuro |
| Eris — Discordia | Erisa — Diskordia | malkonkordo |
| Lamia — Larva | Lamia — Larva | vampirino, sangsuĉino |
| Gaia — Tellus | Gea — Tella | tero |

* * *

## *Kelkaj vortoj pri la kresko de nia vortaro.*

La artikolo de S-ro *Petro Stojan* en la februara n-ro de „Esperanto" bonege pruvis, kiel erara estas la „progresiro" de multaj nunaj lingvistoj kaj verkistoj, kiuj celas enkonduki en nian lingvon kiel eble plej multon el la „internaciaj vortelementoj".

Antaŭ jaroj tre prave skribis en „Esperanto" prof. D-ro Ĉikao Fujisaŭa, ke por japanoj — kiuj ja ne havas antaŭsciojn de eŭropaj modernaj aŭ antikvaj lingvoj — plaĉas en Esperanto ĝuste la kreado de la *vortoj per kunmetado aŭ per sufiksoj kaj prefiksoj.* Por la orientanoj la vortoj, kiel *hidro, apostrofo* ktp. ne estas pli bone konataj, ol *akvo* aŭ *superkomo.* Ambaŭ esprimojn lerni pro ŝajna scienceco malfaciligas kaj pezigas la lingvon superflue.

Ni ne forgesu, ke Esperanto estas *por la estontaj* popolamasoj, kiuj simile al la orientaj popoloj, *ankaŭ ne havos antaŭscion de la nunaj „internaciaj" vortoj.* Do por ili la malmultaj radikoj de la Zamenhofa fundamento *kunmetataj* laŭ logiko kaj neceso estos *pli facilaj* kaj kompreneblaj, *ol teknikaj vortoj* uzitaj de nuna scienco internacia. Ankaŭ la reformemuloj, kiel la idistoj eraras en tiu ĉi punkto opiniante, ke per uzo de internaciaj radikoj, kiel ekzemple *„editar"* anstataŭ la tute taŭga, komprenebla kaj facile uzebla *„eldoni"* ili superigas Idon. Tia metodo povas plaĉi al la nuna inteligentularo kaj scienculoj, sed ne taŭgas por la facila, dum monatoj eĉ de nemulte instruitaj homoj lernebla helplingvo!

La temo studita en la menciita artikolo de S-ro *Petro Stojan* meritas do konstantan atenton kaj pritraktadon por malhelpi la troan enkondukon de radikoj nenecesaj!

*Paŭlo Balkanyi.*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 4, 10, 35; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr. 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 75, 150, 700; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 90; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35, **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 125; **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 2; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Stato de UEA.** — Pasis nun duono de la administra jaro 1925. La kotizoj envenis regule, de iuj lokoj eĉ kontentige. Pagis ĝis fino de aprilo 6400 personoj (1924: 5400). Nepagis la kotizon pli ol 3000 al kiuj ni sendis avertilon. Bazante nin sur la spertoj de la pasinta jaro ni rajtas kalkuli, ke el tiuj 3000 du trionoj realiĝos. Tiel la stato de 1924 estas atingata. Sed por ke UEA ekzistu nun definitive sen deficito, necesas, ke aliĝu ankoraŭ pliaj 1500—2000 personoj. Ni tial insistas, ke ĉiuj faru sian eblon por alkonduki novajn anojn: UEA nur povas ekzisti el kotizoj.

La nova jarlibro nun estas presata kaj forsendota antaŭ la fino de la monato majo al ĉiuj pagintaj sian kotizon. Ĝi formas volumon de 480 paĝoj kaj plej bone atestas la kreskon de nia movado. Ĝi devus troviĝi en la mano de ĉiu konscia esperantisto, al kiu tiu ĉi vorto ne signifas nur „lerninton de lingvo Esperanto", sed kiu per malgranda kotizo partoprenos la movadon, subtenos la internacian organizaĵon kaj per tio akcelos, ke la mondo atentu pri nia afero. Ne sufiĉas prediki pri la beleco de la lingvo, pri la dezirindeco de ĝia enkonduko kaj la sekvoj rezultiĝontaj. Ni mem preparu konstruaĵon indan je niaj klarvidaj pioniroj; vi ĉiuj kunhelpos varbante ne nur por Esperanto inter neesperantistoj sed kaj ankoraŭ pli forte inter esperantistoj por la sola ekzistanta kaj funkcianta internacia organizaĵo. Ni fidas je via bonvolemo, sindono kaj helpemo; se UEA eliros dum 1925 el la financa krizo ni dankas ĝin al vi.

**Varbado.** — Por faciligi la varbadon kaj interesigon de esperantistaj neanoj de UEA ni volonte sendos al varbemuloj necesan materialon.

**Jarlibro.** — Ĝi eliros antaŭ la fino de majo. Al diversaj landoj ni sendigos kune ĉiujn ekzemplerojn, dissendotaj de ĉefdelegito aŭ delegito. Personoj en Eŭropo nericevintaj la jarlibron ĝis meze de junio volu averti la Centran Oficejon.

**Statistiko.** — Duonjara statistiko 1925: aliĝis de novembro 1924 ĝis aprilo 1925:

| HM | M | MA | MS | Sumo |
|---|---|---|---|---|
| 134 | 1449 | 4500 | 343 | 6426 |

(Sama epoko 1924: 5400.)

**Varbado de Subtenantoj.** — Ni altiras la atenton de niaj samideanoj al la avantaĝo de aliĝo kiel Subtenanto, kio rajtigas je la ricevo de tutjara abono de la interesa kaj leginda revuo „Literatura Mondo" krom la ordinaraj rajtoj kiel la jarlibro, gazeto „Esperanto" ktp. Aliaj premioj estas la verkaro de nia Majstro, la lukse presita libro „Vivo de Zamenhof", kolekto de Biblioteko Internacia, aŭ pakaĵo de esperantistaj gazetoj taŭgaj por ekspozicio. (Vidu reklamon sur la lasta paĝo de la gazeto.)

**Delegitoj. — Ŝanĝoj.**

*Rheydt* (Germanio, Rheinland) — D: S-ro Paul Brendgens, instruisto, Limitenstr. 46

*Roma* (Italio) — D: S-ro Elio Migliorini, studento, IV Piazza Scanderbeg 85

VD: S-ro Ermanno Filippi, fervoja librotenisto, Tagliamento 76

*Rychnov* nad Rněžnou (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Ladislav Šimerda, juristo, Husova 645

*Samos Vathy* (Greklando) — D: D-ro Vliamos M. Nikolaidis, vinkomercisto

VD: S-ro A. Thalis Sinefias, cigared-fabrikisto

*Stockholm* (Sved.) — D: S-ro Henning Halldor, redaktoro, Fridhemsgatan 42

VD: S-ro Ad. Larson, kontorestro, Drömstigen 43, Äppelviken

*Stuttgart* (Germanio, Württbg.) — D: D-ro Anton Vogt, bankestro, Calverstr. 54

*San Francisco* (Usono, California) — D: S-ro Brewster F. Ames, advokato, 690 Market Str. Rooms 309

*Tel Aviv* (Jaffa, Palestino) — D: S-ro Mark Gorodiski, advokato, Allenby str. 97

VD: S-ro Mordĥaj Ĥejruti, studento, Allenby Str. 97

*Teplitz-Schönau* — (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Julius Sigismund Schmidl, instruisto, Evangelische Schule

*Teruel* (Orienta Hispanio) — D: S-ro Julio Belenguer Nuez, oficisto, Str. Ainsas 2/II

*Teschen* (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Anton Krikawa, pentristo, Kirchgasse 333

VD: S-ro Hans Roppert, horloĝisto, Bräuhausgasse

*Torquay* (Britlando, Devonshire) — D: S-ro William Robert Wood, registara oficisto, 2 Upton Vale Terrace

*Uppsala* (Svedio, Uppland) — D: S-ro Frits Linden, astronomiisto, Observatorieti

*Varna* (Bulgario) — D: S-ro Vasil Sim. Baĉvarov, komercisto, ul. 27 juli N. 2

*Verona* (Italio) — D: S-ro Amerigo Luigi Reni, librotenisto, vicdirektoro de tramvojoj Verona-Vicenza, 2 Via Goffredo Mameli

VD: F-ino Cesira Morandini, dommastrino, via Filippini 11

*Wolverhampton* (Britlando, Staffordshire) — D: S-ro Frederic William Hipsley, civila inĝeniero, 10 Merridale Crescent

*Wurgwitz* bei Dresden (Germanio, Sa.) —
D: S-ro Reinhold Scheibler, lernejestro

VD: S-ro Herbert Beyer, komercisto, Gartenstr. 16

*Žilina* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio) — D: F-ino Irene Rabi, dentistino, c/o Dr. Lengyel

VD: S-ro Ludwig Goldstein, vendejestro, c/o Martin Rottmann

*Zilupe* (Latvio, Latgale) — D: S-ro Eduard Cimdinš, fervojisto, Zilupes stacija

*Znaim* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: S-ro Rudolf Sobotka, fakinstruisto, Pasteurgasse 3

Genève, 10 Majo 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

S-ro *Jozef Tajc* kun edzino el Panevėžys (Litov.), kunlaboranto de „Litova Stelo", okaze de lia vojaĝo, tutkore dankas al la V.-D. Otto Ginz en Praha kaj al liaj helpantoj: F-ino Anna Reitmajerová kaj S-ro Echtner pro la gravaj servoj faritaj al ili, la loĝigo kaj afabla akcepto.

S-ro *Julio Nemethy*, stud. fil. el Budapest, dankas S-ron P. J. Bondix, del. de UEA en Amsterdam, por la rapidaj, detalaj kaj tre utilaj informoj.

S-ro *Heino Heitmüller*, Del. en Bremen (Germ.) dankas S-ron A. N. Koopmans, del. en Leeuwarden (Nederl.) pro eksterordinare afabla kaj detala informado pri vojaĝo tra Nederlando.

S-ron *Arne Arnessen*, Del. en Oslo, pro faritaj komercaj servoj kore dankas S-ro G. Vermandere el Antverpeno.

D-ro *Blassberg* en Kraków kore dankas al S-ro N. Chavkin, Del. en Jerusalemo, pro afabla plenumo de tre utilaj servoj.

# Esperantista vivo.

**Edziĝoj.** — F-ino *Ruhoma Šejnzon* kun S-ro *Jozef Tajc*, membro de UEA en Panevėžys (Litovio).

— F-ino *Suzanne Biarez* kun S-ro *Marcel Perrin*, leŭtenanto de 6-a Regimento Kirasista en Mainz.

— F-ino *Anna Peroutová* kun S-ro *Jiří Frankenberger* en Praha.

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Terinja Barabas* fianĉiniĝis kun S-ro *Petrescu Borzini*, ĵurnalisto en Cluj.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Pedrazzini* en Locarno naskiĝis filineto, nomita Dolores.

— Al Ge-roj *Gabriëls* en Rotterdam naskiĝis knabeto, nomita Hans.

— Al Ge-roj *Mikš* en Praha-Vinohrady naskiĝis fileto, nomita Miloslav.

— Al S-ro *Klajič kaj edzino* naskiĝis knabineto, nomita Ljubica. Sekve de bedaŭrinda eraro ni informis en pasinta numero, ke tiu infano naskiĝis al S-ro A. B. C. Senff, Hamburg.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**L. Rüfer,** Del. de UEA en Friedberg (Oberh.) Germanio, mortis la 25an de Marto. Nur malmultaj samideanoj konis lin, ĉar li loĝis en la kamparo. Sed tiuj sciis, kun kiom da fervoro kaj entuziasmo li sekvis nian movadon. Li propagandis en siaj rondoj kun granda sukceso. Li estis arda pacifisto kaj vidis en Esperanto kunhelpilon por interpacigi la popolojn. Tro frue li forlasis nin kaj sian edzinon kun naŭjara knabo. Lia memoro restos en ni. *R. Kr.*

**Frédéric Cros,** honora prezidanto de Esperanta grupo en Perpignan, malnova kaj fervora samideano.

**Ada Freundlich,** mortis nur dudekjara, fine de Marto en Rzeszów.

**Paavo Kauppinen,** delegito de UEA en Karhula, fabrikisto, mortis 25. II. post longedaŭrinta ftizo.

**Carlos Gagini,** profesoro kaj delegito de UEA en San José de Costa Rica, foriris por ĉiam 31. III. Dum 15 jaroj li estis multe laborinta por nia afero per lecionoj, paroladoj, artikoloj. Tuta Kostariko funebras pro lia morto.

**Mary Sturge,** doktorino, 14. III., konata kuracistino.

**A. P. Rollason,** baptista pastro, sekretario de Toronta Esp. Societo, 15. II. en Toronto.

**Henry Bond,** pastro, 15. III. en Keymer Sussex.

**J. W. Boys** en Bridport (1848. XI. 20. — 1924. IX. 17.)

**Mariana Dawtrey,** filineto de pastro H. Dawtrey, 28. III.

**W. R. Coles,** 84-jara samideano, 7. III. Li senbrue faris multe da bono al nia movado.



**Helpu ŝpari**

*sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la*

*CENTRA OFICEJO DE UEA.*

*La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.*

◆

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

**Solvoj:** 79




xy = yz.

80 = Kara-beno. — 81 = IV, VI. — 82 = K-apro. — 83 = Karbo. 84 = Poto. — 85 = **La tempo.** | Estant' fantomo estas! La malfortajn profilojn forigadas | forges' el ĝi. Estanto | alio estas ne, krom al estonto | rapidega transpaso.

86. **Geografia kaprompilo.**

L' unua sama estas je la dua; la tut' unua estas, tial dua; | ĝi du unuajn (tio estas duajn) | kunigas, kaj de l' Mondo | disigas partojn du.

87. **Kvadrato.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 |
| 2 | 5 | 6 | 7 |
| 3 | 6 | 8 | 9 |
| 4 | 7 | 9 | 10 |

1, 2, 3, 4 = Servisto bona, estro malbonega; | 2, 5, 6, 7 = La homon nobliganta alta celo. | 3, 6, 8, 9 = Blankajo kies nom' neas literon. | 4, 7, 9, 10 = Sumo da liroj ofte | amasigataj de idealistoj | nekorekteblaj en | la Zamenhofa lingvo versfaristoj.

88. **Ŝtupareto.**




1, 2, 3 = Sekcio, fako de | notlibro, de gazeto. | 3, 4, 5 = Ordoni militestre | 5, 6, 7 = En la dimanĉo, | dum tiu tago. | 7, 8, 9 = Signifas: de ĉevalo. | 9, 10, 11 = Besteto similanta krokodilon. | 11, 12, 13 = Donanta al organoj | viglecon, energion. | 13, 14, 15 = Ĝibul' de varma lando.

## ALUMETLUDOJ.

89. **Egiĝ' de domareto.**

El domareto faru | urbegon de Azio.

90. **El iloj uloj.**

Per jenaj iras iloj | ve, malfeliĉaj uloj: | de tiuj ĉi vidigu | la nomon konsistantan | el sep literoj, kiuj | kunmetos vi el la | malkunigitaj de la iloj eroj.



91. **Plenigota versajeto.**

*Ŝanĝo de k***.*

Facila, k*** tiu de ** ĉ*** ne ***** ja ** ŝanĝo de ** ****!

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 142.**
*W. H. Tompson.*
(Tours de force 1906).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 143.**
*G. N. Cheney.*
(Chess Nuts 1868).



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 144.**
*H. Rohr.*
(1908).



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 145.**
*H. T. Bailey* kaj *Fr. Hájek.*
(Originalo).



Sinmato per la 7-a movo.

Probl. 142 estas eble la plej bona ekzemplo, en kiu la peono (f 2) faras ĉiujn siajn movojn. Precipe estas atentinda ĝia malpeza kunmeto. N-ro 143 apartenas al la komenca periodo de la moderna problemarto. Ĝi entenas simplan strategian manovron, krom kiu oni ne povas en la problemo trovi alian ornamon aŭ idealigon, kiuj karakterizas la verkojn de la nuna tempo. La kruda manovro per la damo estas instruplena por la praktika ludanto. Agrable vidiĝas la delikata okazantaĵo en la verko 144. Tie revenas simetrie la bone konata mato per la damo kaj la kuriero. Esplorante la sinmaton 145 oni ekkonas, ke estas eble mati nur per la damo c 2. Por ne tro turmenti la solvanton, ni malsekretigas, ke la reĝo estas en la angulo matata per la damo, unufoje el la kampo b 7, kaj duafoje el a 6, dum la nigra reĝo okupas la kampon c 8.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 138:** 1. Tf4 — f2. Ka1 — d4, 2. Db4 × e7 m; Tg6 × f6, 2. Tf2 — e2 m; Tg6 — g4, 2. Ĉh6 × g4 m; Ĉe7 movas, 2. Tf2 — f5 m; laŭvole 2. Db4 — f4 m.

**N-ro 139:** 1. Da7 — a2, b3 × a2, 2. Kc2 — f5 kaj 3. g2 — g4 m; b3 × c2, 2. Da2 — e6 ktp.; Rh5 — g4, 2. Da2 × b3 kaj 3. Db3 — f3 m.

**N-ro 140:** 1. Ke1 — c3, Ka5 × d8, 2. Ĉa6 — b4 +, Rd5 — c5, 3. Kc3 — d4 m; Rd5 × e6, 3. Tf4 — f6 m; Ka5 × c3, 2. Rb3 × c3 kaj 3. e2 — e4 m.

**N-ro 141:** 1. Ke7 — a3, Kc1 — b2 +, 2. Ĉd1 — c3 +, Kb2 × c3 m; Kc1 × a3, 2. Ĉg8 — e7 +, Ka3 × e7 m; Ĉa8 — b6, 2. Dc8 — d7 +, Ĉb6 × d7 m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

130 ĝis 133 M. Birmanas, Ŝakiai - Lukŝiai (Litov.); H. Steding, Bremen; 130, 134, 135 S. Frantz, Paris.

*Korespondo:*

S-ro *M. L. Huber,* Coomassie, Gold Coast. La provita problemo ne estas sufiĉe riĉa je enhavo, kiu devas nepre esti esprimita per iu ideo aŭ per artaj matbildoj, se ne eblas kunmeti la ambaŭ postulojn. — S-ro *H. Steding,* Bremen. En la trimova problemo ne estas eĉ unu mato regulara. Estas necese ankoraŭ fervore laŭi.

*F. H.*

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Adreso-ŝanĝo.** Mia nova adreso estas: San Pedrito 341, Buenos Aires, Argentino. Mi petas miajn gekorespondantojn bonvole paciencigi pro mia respondo kaj sendas amikan saluton kaj novjaran bondeziron al ĉiuj. S-ro Giordano Bruno López, Ĝenerala Sekretario de Argentina Esperanto-Asocio.

**Atentu!** Mi deziras interŝanĝi poŝtmarkojn, sendu al viaj duoblaj la kiel eble plej grandan kvanton malsamajn, minimume 50. Tiujn, kiujn mi jam posedas, mi resendas, la aliajn mi anstataŭos (laŭ valoro, laŭ la katalogo de Yvert kaj Tellier) per PM de Ned. Hindio. Sendu do vian manko- kaj dezirliston kune kun la PM. Mi povas doni proksimume 75 diferencajn de mia lando. Ankaŭ post ricevo de 3 guldenoj mi povas sendi al vi rekomendite 75 malsamajn PM de Ned. Hindio. Kiu sendas al mi papermonon (prefere novajn paperetojn), al tiu mi interŝanĝe sendos PM aŭ PI. Skribu kaj sendu hodiaŭ! Se vi sendas rekomendite, mi faros same. Notu mian adreson! Mi nur unu fojon enpresigas tiun ĉi anoncon. S-ro W. H. de Jonge, Bendoredjo (Java), Nederlanda Hindio.

**Filatelistoj.** Kiu sendas al mi 1000—1500 PM diversajn kaj similajn ricevos tuj saman kvanton de nia ŝtato. Mi sendas ankaŭ unue. Rekomendite. S-ro František Vondra, Německý Brod 161 dol., Ĉeĥosl.

**Kiu konas la adreson** de S-ro Modeste Tchaïkowsky, kiu antaŭ la milito en loko Klin apud Moskvo (Ruslando), bonvolu tuj averti S-ron Fr. Schoofs, Ĉefdelegito de UEA, Antverpeno (Belglando), Kleine Hondstraat 11.

**Kiu franca,** svisa aŭ belga samideano gastigus kaj por kiu prezo 14 tagojn dum julio studenton 19-jaran volantan pliperfektiĝi en franca lingvo. Eventuale kun manĝo. Jan Grim ĉe S-ro Jelínek, Karlovo nám. 12, Praha II, Ĉeĥoslovakio.

**Libreton** kun la programoj de la sonorilkoncertoj en Mechelen (Malines) sendos S-ro Baesens, Statiestr. 16, Mechelen (Antwerpen), Belglando, kontraŭ unu belga franko aŭ egalvaloro.

**Malkaraj radio-lampoj.** Eksporton prenas sur sin Henri Dubuisson, 18 rue Bellevue, Le Havre, S. I. (Franclando).

**Malnovaj numeroj de „Progreso"** (Ido). Mankas al ni la jenaj numeroj de la antaŭmilita kolekto de idista „Progreso": julio, aŭgusto, septembro 1909; januaro, aŭgusto 1912; februaro 1914. Ni petas posedantojn de disponeblaj ekzempleroj bonvole informi nin pri la kondiĉoj de vendado. Centra Oficejo de UEA.

**Nerespondo al leteroj.** S-ino L. Rüfer en Friedberg (Oberh.), Germanio, informas la korespondantojn de sia edzo, ke S-ro Rüfer subite mortis la 15 marto 1925. Ŝi petas, ke oni ne sendu plu korespondaĵojn.

**Originala esperanta biblioteko.** Joŝo: „Babiladoj de bonhumora Zamenhofano", ilustrita, 0,65 sv. fr. Kaplan: „Akordoj Esperantaj", 0,50 sv. fr. Hiller: „Ho, tiuj fremduloj!", opereto, 0,90 sv. fr. Ĉiuj 3 verkoj kune afrankite 2 svisaj frankoj. Eldonejo J. Ŝapiro, Bialystok, Polujo, Lipowa 33.

**Prunto.** Malnova samideano serĉas prunton de 1500 dolaroj je rentoj moderaj por establo de pasamenta fabrikejo. Post unujara ekzistado komenciĝas amortizado. Bonvolu oferti sub „Kapabla" al Centra Oficejo de UEA.

**Radio-amatoroj atentu!** En Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio, estis jus fondita „Orient-bohema Radio-Klubo"; ĝi estas fondita de inĝenieroj, sed ankaŭ esperantistoj kompreneble staris ĉe la lulilo de la naskiĝinta klubo. La subskribinto estis elektita fakestro por propagando. Interrilatoj kun radio-kluboj de la tuta mondo estas serĉataj! Ĉiu serioza letero aŭ karto, alportanta utilan aŭ interesan fakan sciigon, ĉiu presaĵo, bildoj de antenoj, aparatoj, elsendstacioj ktp. venanta el eksterlando montros al neesperantistaj anoj de la nova radio-klubo la eksterordinaran gravecon de nia lingvo por la radio-sfero. Kiu komprenas — agu! Otto Sklenčka, ĉefdelegito de UEA, Hradec Králové, Živnostenská banka.

**Skulptistojn,** artpentristojn, fotografistojn mi serĉas por interkorespondadi kaj interŝanĝi je propraj produktaĵoj. J. Mučnik, Har-Kineret, Semakh, P. O. B. 8, Palestino.

**Verda libertempo 1925.** Gesamideanoj diversnaciaj refreŝiĝos apud belega Rejno. Ekskursoj ĉiutagaj. Malalta prezo. Majo—Junio. Petu prospekton senkostan. Ĉu vi venos? L. Funken, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germanio, entrepreno de UEA.

**Vojaĝantoj al Italio.** Mi deziras konatiĝi kun travojaĝantaj samideanoj. D-ro V. Bruck, Institut International d'Agriculture, Roma.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Argentino.

**Buenos-Aires.** S-ro Carlos M. Castineira, Str. Georgestown 626, PK, PM, L kaj gazetoj kĉl.

### Britlando.

**London N. W. 8.** F-ino R. Bradshaw, The Studio 62 Abben Road, pri praktika psikologio kaj la potenco de pensado.

**Portsmouth.** S-ro S. H. Matthews, 16 Constitution Square, PI, L, PM.

### Belgio.

**Antwerpen.** S-ro Henri van der Mast, Lange-van-Ruysbroechstraat, PM kĉl. Serioza. Sendas saman valoron laŭ Yvert 1925. Ne sendas unue.

### Ĉeĥoslovakio.

**Aussig.** S-ro Hermann Söhnel, elektromuntisto, Kleine Wallstr. 30, PI kĉl.

**Aussig.** S-ro Louis Gabriel, ilisto, Elektro-Werke, Spitalplatz, PI, L pri ilarmaŝinoj, fotoj kĉl.

**Aussig.** S-ro Otto Schwarz, inĝeniero, Teplitzer Str. 26, PI, L kĉl.

**Aussig-Lerchenfeld.** S-ro Willy Kunert, oficisto, Bergmannstr. 12, PI, L, PM kun transmaraj landoj.

**Bakov n/Jiz.** S-ro V. Fidler, terkulturisto, Buda 10, pri sociala kaj politika vivo kĉl., PI, PM, esperantaj kaj naciaj gazetoj.

**Bor-Protivín.** S-ro Ch. Chalupsky, gimnaziano, PK, PI, PM, fotoj de verkoj de famaj pentristoj kĉl.

**Jablonné n. Orl.** S-ro Josef Frank, PI bfl kĉl. Certe respondos.

**Kerhartice apud Ustí n. O.** F-ino Jitka Čechová, instruistino, esperantaĵoj, objektoj taŭgaj por propagando kaj ekspozicio, fotoj, PI.

**Praha II.** S-ro Jan Grim, ĉe S-ro Jelínek, Karlovo nám. 12, PI bfl kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Praha III.** S-ino Anna Kosáková, Mělnická ul. 601, pri seriozaj temoj kun eksterеŭropanoj.

**Praha-Břevnov.** S-ro František Buhr, bankoficisto, Břevnov 257, PI kĉl.

**Praha-Vinohrady.** F-ino Hermine Taussig, bankoficistino, Nerudova 2, L kĉl.

**Praha-Vinohrady.** F-ino Adéla Barešová, poŝtoficistino, Máchova 12, I, PI, L kĉl.

**Příbyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Vencálek, delegito de UEA, PI bfl, escepte Germanio.

**Příbyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Hintnaus, dentisto, PM, angle, esperante.

**Tanvald.** S-ro Standa Pekař, instruisto, L, PI kĉl.

**Ustí n. O.** S-ro Vašíček, poŝtoficisto, PI, L.

**Ustí n. O.** S-ino Ludmila Velebilová, kuracistedzino, PI, L.

**Ustí n. O.** F-ino Anna Vavroušková, vicdelegitino, esperantaĵoj, objektoj taŭgaj por propagando kaj ekspozicio, fotoj, PI.

**Ustí n. O.** S-ro Ant. Barkman, instruisto ŝtate ekzamenita, PI, fotoj por si kaj por lerneja Esperanto-kurso en Ustí n. Orl. (lernantoj 12—15-jaraj).

**Voigtsbach b. Braunau.** S-ro Rudolf Scholz deziras interŝanĝi nur 100 PM.

**Vysokov-Náchod.** S-ro Josef Kejdana, deziras interŝanĝi 100 PM.

**Znaim.** S-ro Rudolf Sobotka, lakinstruisto kaj verkisto, Pasteurgasse 5, pri kulturaj, politikaj, ekonomiaj kaj socialaj demandoj precipe kun britoj, francoj, italoj, svisoj, ĉinoj, japanoj kaj usonanoj.

### Ĉinlando.

**Shanghai.** S-ro Maito, 14 Sui Chong Li, Rue Rabier, kun komercistoj ĉl., PM.

### Finnlando.

**Helsinki.** S-ro Matti Suckman, Lapinlahden sairaala, nur pri sporto kun eksterlandaj.

### Franclando.

**Chalon-sur-Saone** (S.-et-L.). S-ro Buisson-Monard, 4 quai Sainte-Marie, nur PM.

**Paris XVII.** S-ro F. Brossier, vivasekura matematikisto, 25 rue Trézel, L pri ekonomio kaj pri paco internacia.

**St. Amand-les-Eaux** (Nord). S-ro Louis Waterloo, La Croisette, PI, L kĉl.

### Germanio.

**Dresden-A. 19.** S-ro Gerhard Boden, Wormser Str. 76, II, PI bfl, L kĉl.

**Dresden-N. 30.** S-ro Willy Eckert, Fechnerstr. 24, I, PI bfl, L kun inteligentaj, seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj.

**Höntrop bei Bochum** (Westf.). S-ro Gustav Reimüller, PI, L kun la tuta mondo.

**Kempten** (Allgäu). S-ro Walther Schrank, PI, L, preferas ekstereŭropanojn.

**Radebeul.** S-ro Felix Grimm, Gartenstr. 28, I, PK, PI, L kun inteligentuloj ĉl.

**Radebeul.** S-ro Max Kuntzsch, Preusserstr. 2, PM laŭ Michel-katalogo, ne sendas unue.

**Radebeul.** S-ro Erhard Schloßhauer, Gartenstr. 45, L, PI kĉl.

**Radebeul-Oberlössnitz.** S-ro Willy Heinze, elektro-inĝeniero, Bennostr. 29, PK, PI, L, precipe kun ne-eŭropanoj.

**Stuttgart-Gablenberg.** S-ro Adelbert Geiger, Krämerstr. 7, deziras interŝanĝi lingvajn lecionojn kun francoj kaj angle parolantaj samcelanoj. Ĉiam respondos. PI, L.

### Greklando.

**Leonidion.** F-ino Polytimo Kotsia, L, PK kĉl. esperantistinoj.

**Leonidion.** S-ro Demosteno Papamiĥalopoulos, industriisto, L kun seriozaj geesperantistoj.

**Leonidion.** S-ro Mimis Jatropoulos, bankoficisto, L kĉl. gajaj geesperantistoj.

**Samos-Vathy.** S-ro Georgo Th. Georgiadis, tanisto, Esperanta Societo, L, PK kĉl.

**Samos-Vathy.** S-ro Johano Stamatakis, tabakvendisto, L, PK kĉl.

**Samos-Vathy.** S-ro Vliamos M. Nikolaidis, D-ro de leĝoscienco, vinkomercisto, L, PK kun seriozaj gesamideanoj.

**Samos-Vathy.** S-ro Georgo Manidis, farmaciisto-drogisto, L kĉl. pri drogoj kaj specialaĵoj.

**Samos-Vathy.** S-ro Konstanteno J. Nikolareizis, poŝtoficisto, L, PK kĉl. esperantistinoj.

**Samos-Vathy.** F-ino Ouranio Anagnostou, oficistino, Banko „Ateno", L, PK kun ĉiulandaj seriozaj gesamideanoj.

**Samos-Vathy.** S-ro Hippokrato Blaveris, bankoficisto, Nacia Banko „Ethniki", L kĉl.

Esperanto-Presejo Magdeburg.